V^e JARO — N° 50

6 PAĜOJ : 6 Spesdekoj (15 Centimoj)

5 MARTO 1909

DIREKTORO :
Hector HODLER

ABONO

**Unu jaro** S 1,60 (4 frankoj)
Oni abonas ĉe la lokaj agentoj, Esperanto-Oficejoj aŭ ĉe la administrejo.

Redaktejo & Administrejo :
8, rue Bovy-Lysberg, 8
**GENÈVE** (Svisujo)

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO
DE
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

DIREKTORO :
Hector HODLER



## La Organizo de nia Movado

*La rolo de la diversaj organizajoj de Esperantismo (grupoj, naciaj societoj, fakaj societoj, U. E. A.) ; ilia tasko, iliaj rilatoj.*

Oni ofte demandis, kiaj estas la rilatoj de U. E. A. kun la diversaj ekzistantaj organizajoj Esperantistaj (grupoj, regionaj federacioj, naciaj societoj, fakaj asocioj, k. a.). Kelkaj personoj eĉ supozis erare, ke U. E. A. per sia agado vole-nevole enmiksiĝos en la vivadon de tiuj aliaj organizajoj kaj tia konfuzeco pri ilia reciproka kompetenteco povos naski malkompreniĝojn kaj fine malutili al nia afero.

Por kontentige respondi la supran demandon, estas necese plej klare difini unuparte la celon de U. E. A. kaj aliparte la celon de la aliaj Esperantistaj organizajoj, vidi ĉu al ĉiu el ili ni povas aljuĝi precizan kaj memstaran signifon, kaj en kia maniero ili povas kunlabori kaj devas interrilati. Se ni sukcesas en tio, tiam ni kun plena certeco povos iri antaŭen, sen timo pri danĝera konkurado kaj interna batalado kaj ĉiu klare scios por kio li laboros. Venis do la tempo por provi detalan klarigon pri la respektiva rolo de la diversaj organoj de nia movado kaj la situacio, kiun rilate al ili devas okupi U. E. A. Al la personoj. kiuj opinios, ke tiuj klarigoj estas tro specialaj, ni respondas, ke laŭ nia firma konvinko, tia demando estas multe pli grava por nia movado ol tiuj, kiuj tro ofte agitas la Esperantistaron, ĉar de nia organizeco dependas nia venko. Fine, ni ĉi tie ne prezentas belajn planojn teoriajn, sed, apogante nin sur tio, kio jam ekzistas, penas lumigi, laŭ la vidpunkto de la iniciatintoj de U. E. A., la rolon kaj taskon de la multenombraj kaj diversaj organizajoj, kiujn naskis Esperantismo.

* * *

Pri la neceseco de internacia organizajo por la praktikaj aplikajoj de Esperanto ni ne reparolos ; tion ni jam montris en la artikoloj, kiujn ni verkis por iniciati la fondon de U. E. A. Cetere, la faktoj plene pruvis ĝin kaj la fervoro kun kiu la pli granda parto de la Esperantistaro akceptis nian alvokon, elmontris, ke la kreo de U. E. A. respondas realan bezonon.

Kion celas U. E. A.? Starigita sur tiu ideo, ke Esperanto estos neŝancelebla, nur kiam ĝi estos praktika kaj internacie uzata de difinita aro da homoj, ĝi celas — per Esperanto — la plifaciligon de la ĉiuspecaj rilatoj inter diversgentanoj, la kreon de precizaj servoj por siaj membroj kaj, konsekvence, la kunplektiĝon de fortika ligilo de solidareco inter la homoj uzantaj ĝiajn servojn.

Ĉar ĝia agadkampo estas tutmonda, ĉar ĝiaj servoj estas difinitaj por homoj de ĉiuj gentoj kaj nacioj, ĝi nepre devas esti neŭtrala ; ĝi do ignoras naciecon, same kiel ĝi ignoras politikon aŭ religion ; en ĝi partoprenas ne Esperantistoj de tia aŭ alia nacio, sed simple Esperantistoj, tute egale al kiu gento ili apartenas. U. E. A. estas antaŭ ĉio neŭtrala *servaro*, kiun bezonas ĉiu homo, kiu per tia aŭ alia fako estus interesata en la vivo internacia. Oni do facile komprenos, ke ĉar ĝia publiko estas internacia tiel same kiel ĝia servaro, ĉar ĝi rilate al nacieco devas esti absolute neŭtrala, estas necese, ke ĝi havu unuforman kaj simplan organizecon, sekve estu plene alcentrigita. Se ne, ĝiaj servoj estus tre malfacile uzeblaj kaj ĝia utileco multe pli malgrava. Unuvorte por U. E. A. kiel por ĉiuj internaciaj organizajoj, inter kies membroj ekzistas precizaj servoj, neŭtraleco kaj alcentrigeco estas necesegaj. Ni rimarku. ke alcentrigeco neniel signifas neliberalecon aŭ aŭtokration. Male, la ĉefa forto de U. E. A. kuŝas en tio, ke la diversaj personoj direktantaj ĝiajn servojn, estas regule balotataj de la membroj laŭ unuformaj kaj simplaj reguloj, kaj rajtas paroli en ilia nomo. ke en ĝi ĉiu povas libere elmeti proponojn kaj ilin realigi per laŭleĝa vojo ; entute ĝi estas societo kun liberala konstitucio kaj ĉie ĝi havas tian saman organizecon. — kio en si mem estas, el socia vidpunkto, tre atentinda fakto. Oni konstatos, ke ni malmulte parolas pri Esperanto ; efektive U. E. A. ne konsideras Esperanton kiel celon, sed nur kiel ilon por la plifaciligo de la rilatoj inter siaj membroj ; ĝi ne estas organizajo, kies tasko estus finita, tuj post sufiĉa disvastiĝo de Esperanto ; male, ju pli progresos Esperanto, des pli grandiĝos ĝia signifo kaj multiĝos ĝiaj servoj. Fine, el pli alta vidpunkto, U. E. A. konstante konkretigos en nia movado la esencan ideon de Esperantismo, nome la solidarecon inter diversgentanoj, ilian pacan interkomunikiĝon sur neŭtrala fundamento.

Sed ekster U. E. A. estas kaj devas esti aliaj organizajoj. Tiuj personoj, kiuj supozas, ke laŭ nia pensmaniero, U. E. A. laŭgrade fariĝu unika organizajo en nia movado, absolute eraras. Tio estus tiel same sensenca, kiel se en iu regno ekzistus nur regnaj servoj kaj estus nepermesate al ĝiaj regnanoj asociiĝi laŭ iliaj komunaj interesoj kaj opinioj. Male, ni opinias, ke ekster U. E. A. kaj eĉ interne de ĝi devas esti aliaj grupiĝoj, kondiĉe ke ili havu difinitan celon. Efektive, U. E. A. uzas Esperanton, tute same kiel nacianoj uzas nacian lingvon, ĉar inter ili ekzistas difinitaj rilatoj kaj servoj ; sed nur tre malgranda parto de la mondo konas Esperanton ; precipe multaj el la homoj, por kiuj ĝi estas difinita, nenion scias pri ĝi. El tio sin trudas la neceseco ĝin propagandi, montri kiel dank'al ĝiaj praktikaj aplikajoj, ĝi povas utili al tiuj homoj, kies laboroj kaj pensoj celas trans la ĉiam pli mallarĝaj limoj de ilia nacio, konigi kiel bonega ilo estas Esperanto kaj U. E. A. por rilatigi iun regionon kun la eksterlando, kiu pro la naciaj baroj malprecize scias pri ĝi, diskonigi ĝian komercon kaj industrion, ĝiajn institucioj, ĝiajn vidindajojn kaj nedirekte alporti profiton al ĝiaj enlandanoj, kiuj pro regiona patriotismo povos helpi al nia afero, eĉ se ili ne aktive partoprenas en ĝi. Sed tia propagando, samtempe de Esperanto por la loko kaj de la loko per Esperanto, varias laŭ la lokaj aŭ enlandaj kondiĉoj ; ĝi ne povas esti direktata laŭ unuformaj reguloj ; ia propagand. maniero kiu mirinde sukcesas en tia regiono, donos en alia regiono nur sensignifajn rezultatojn. Tial la *grupoj* estas esence memstaraj, decentrigitaj ; ili organiziĝas laŭ la postuloj de la lokaj kondiĉoj, tiel ke ili havu kiel eble plej multe da membroj. Ĉar enlandaj kondiĉoj ofte estas samaj por pli-malpli granda teritorio kaj inter grupoj de sama regiono ekzistas komunaj interesoj, ili, por esti pli fortaj, povas kuniĝi laŭ regionaj federacioj kaj naciaj societoj, sed rilate al tiuj lastaj la sperto montris, ke se la lando estas tre vasta kaj la movado sufiĉe grava, ili tamen devas dividiĝi laŭ regionoj. Do, en tiu rilato la decentrigeco estas necesega por trafi bonan rezultaton tion pruvas ĉiutagaj faktoj,

Fine, ekzistas triaspeca organizajaro homoj povas kuniĝi ne laŭ lokoj kaj landoj por helpi al ilia pliprosperiĝo, sed laŭ komunaj profesiaj aŭ ideaj interesoj. Ili grupiĝas, regione aŭ internacie, laŭ metiaj, religiaj aŭ ideaj fakoj, ĉu por rilatiĝi kun samprofesianoj aŭ samideanoj, ĉu por konigi al ili Esperanton, ĉu por ĉien disvastigi siajn ideojn per Esperanto.

* * *

Ni ekzamenu nun pli detale la taskon de tiuj diverspecaj organizajoj kaj la rilatojn, kiuj devas ekzisti inter ili,

U. E. A. devas enhavi nur Esperantistojn. t. e. homoj, kiuj, laŭ la Bulonja deklaro « scias kaj uzas la lingvon Esperanto », por la celo plifaciligi la ĉiuspecajn interhomajn rilatojn. Ĝi havas unuforman kaj alcentrigitan organizon. En ĉiu loko U. E. A. havas delegiton, kiu zorgas pri la starigo de ĝiaj servoj en sia regiono, kaj al ĝiaj membroj donas helpon kaj informojn, laŭ la limo de la regularoj ellaboritaj de la rajtigitoj de niaj membroj.

U. E. A. provizas sian kason per la malgranda kotizajo de siaj membroj, per bonvolaj donacoj kaj monhelpoj de privatuloj aŭ societoj. Estas necese, ke ĝia kotizajo estu malgranda, tiel ke kiel eble plej multe da homoj povu uzi ĝiajn servojn kaj tiamaniere pligrandigi ĝian forton, el kiu rezultos proporcia pligrandiĝo de ĝia utileco. Por trafi sian celon ĝi per la klopodoj de siaj ĉiufakaj komitatanoj organizas gravajn servojn internaciajn por siaj membroj ; ĝi provos kontrakti kun gravaj organizajoj, hoteloj, bankoj, k. a. kaj per ĉiu maniero penos, ke ĝiaj membroj ricevu kiom eble plej multe da profitoj el sia aliĝo. La funkciado de U. E. A., ĝia agadmetodo, estas konataj de nia legantaro ; mi do ne insistas.

Aliparte, en ĉiu loko de l'mondo, kiu prezentas ian intereson laŭ la vidpunkto de la rilatoj internaciaj, devas esti *grupo Esperantista*, Tiuj grupoj povas enhavi ĉiujn personojn, kiuj volas plifaciligi per Esperanto la rilatojn inter sia loko kaj fremdlando. ĝi do povas enhavi ne nur Esperantistojn, t. e. personojn sciantajn kaj uzantajn Esperanton, sed ankaŭ neesperantistojn, kiuj aprobas ĝian celon kaj deziras ĝin helpi per financa partopreno aŭ morala apogo, sed ial ajn ne povas lerni Esperanton. Multaj estas tiuj personoj, kiuj ne deziras esperantistiĝi, ĉar ili nun ne bezonas Esperanton ; kaj tamen konsideras, ke el loka vidpunkto Esperanto liveras bonegan rimedon por rilatiĝi kun fremdlando kaj tial estas helpinda tute same kiel personoj, kiuj ne estas turistoj, aliĝas al la lokaj societoj por pliprosperigo, kvankam ili direkte ne bezonas ĝin. Tiujn personojn devas ankaŭ akcepti niaj grupoj. Tial la grupa kotizajo estu sufiĉe alta (1 aŭ 2 Sm) ; la grupo havu kiel eble plej multe da membroj. el ĉiuj rondoj, kaj ĝia regularo alfariĝu al la lokaj kondiĉoj.

Kion faros la grupo? En la unua parto de sia tasko, ĝi sin turnos al la enlandanoj mem. Per paroladoj, jurnalaj artikoloj, k. c. ĝi komprenigas kiom da profitoj liveras Esperanto kaj nia movado ; ĝi aranĝas Esperanto-kursojn, instigas la komercistojn, turistojn, instruistojn, k. c. lerni nian lingvon, rimarkigante, ke per U. E. A. ili tiuj povas ĝin uzi, penas ĝin enkonduki en la lernejojn, organizas kunvenojn por ekzerciĝado pri la lingvo kaj reciproka konatiĝo, festojn por altiri la atenton al nia afero, k. c. ; tion ĝis nun faris ĉiuj grupoj Esperantistaj. En la dua parto de sia tasko, la grupo sin turnas al la [illegible]ndaj Esperantistoj kaj per ĉiuj manieroj [illegible] konigi al ili sian lokon, laŭ vidpunkto de turismo, komerco, instruado, artoj, k. c. kaj pligrandigi la rilatojn de sia loko kun ili. Precipe, ĝi instigos la komercistojn, ke ili presigu prospektojn en Esperanto ; ĝi eldonigas gvidfoliojn por utili al la Esperantistaj vizitantoj kaj gvidlibrojn por allogi la fremdulojn al sia regiono, k. c. Laŭ tio, oni konstatos, ke la grupo estas kvazaŭ komerca ĉambro, kiu pri ĉiuj fakoj sin turnus al ĉiuj Esperantistoj. Jam multaj grupoj komprenis tiun rolon, kiu fariĝos pli kaj pli grava.

Sed sola grupo estas tre ofte malforta, malriĉa kaj ĝiaj fondantoj senspertaj ; estas ankaŭ necese, ke ĝi ne restu sen rilatoj kun siaj alilokaj samspeculoj. Tial la grupoj de sama regiono aŭ lando kuniĝas societe aŭ federacie. La regionaj federacioj aŭ ligoj tre utilas por faciligi kaj multigi la rilatojn inter la grupoj, organizi regionajn kongresetojn, intergrupajn vizitadojn, fondigi grupojn, en la lokoj, kie ili ne ankoraŭ ekzistas, doni konsilojn kaj helpojn al la novaj grupoj, tiel keli povu profiti la sperton de la pli maljunaj, k. c. ; ĉar ĝi estas pli forta ol la grupo, ĝi tre taŭgos por fari oficialajn klopodojn. Por diskonigi la regionon ĝi povos kun la helpo de la grupoj eldoni gvidlibrojn aŭ monografioin pri enlandaj apartajoj, k. c. En la negrandaj landoj povas ekzisti nur unu tia societo aŭ federacio de grupoj (ekz. Belgujo, Danujo, Holando, Svisujo, k. c.) ; en la grandaj landoj, la sperto montris, ke estas pli oportune, se ekzistas kelkaj tiaj federacioj aŭ ligoj, respondantoj al komuninteresaj teritorioj (ekz. regionaj federacion en Francujo, kaj Britujo, ligoj en Germanujo. k. c.). Tiokaze tiuj federacioj kaj ligoj povas ankaŭ kuniĝi nacie, sed en tiu rilato la pasinto montris, ke la nacia societo devas esti kiel eble malplej alcentrigita ; pli bone ĝi estu organizita laŭ federacia vidpunkto. La malbonajojn de nacia alcentrigita societo sufiĉe spertis niaj francaj samideanoj. Se komence, nacia societo, pro la malmulteco de la Esperantistoj, estis devige alcentrigita, ĝi decentriĝos tuj kiam multiĝos la membroj kaj grupoj.

La nacia societo estas tre utila por gvidi la ĝeneralan propagandon de Esperanto en sia lando, doni instrukciojn al la grupoj pri tio, helpi aŭ instigi la fondon de regionaj federacioj aŭ ligoj, eldoni propagandajn broŝurojn en nacia lingvo, konigi Esperanton en la oficialajn rondojn, k. t. p. ; aliparte la nacia societo povos kaj devos konigi sian landon al la fremduloj, ilin informi pri siaj institucioj, leĝoj, moroj, komerco, riĉajoj, k. c., unuvorte klopodi por ĉiel forigi la nesciadon de la fremduloj pri sia lando, la barojn de la diverslingveco, la antaŭjuĝojn, kiujn naskas la genta ŝovinismo kaj detruas la libera kaj lojala interkomunikiĝo sur neŭtrala kampo, memkompreneble ĉio laŭ la Esperantisma vidpunkto.

La naciaj societoj, se ili estas sufiĉe fortaj, povas publikigi organon kiu enhavos informojn pri la Esperanto-movado kaj informojn pri la lando mem, difinitajn por la fremdaj legantoj ; ĉar ĝi estas parte publikigata en nacia lingvo, ĝi povos utili al eklernantoj aŭ al tiuj personoj, kiuj interesiĝas al Esperanto, kvankam ili ĝin ne lernas.

(*Daŭrigota*).

H. HODLER.

## SOCIA VIVO

### JURO

**Vivado en Magazenoj kaj laborejoj en Britujo.**

Post longa enketo, komitato organizita antaŭ kelkaj jaroj por plibonigi la situacion de gelaboristoj kaj geoficistoj prezentis al la registaro raporton pri ŝanĝoj farigotaj ĉe la komercaj kaj industriaj firmoj.

La ĉefaj postuloj povas esti resumitaj kiel ĉi sube :

Ke estu malpermesata doni monpunojn al la junuloj malpli ol 16 jaroj en iu ajn metio. Por la aliaj gedungatoj, la monpunoj ne povos superi 5 o/o el la semajna salajro kaj devos esti retenitaj dum la semajno mem kiam ili estis donitaj.

Ke la inspektoroj del'laboro, kiuj jam kontrolas la daŭron de l'laborado ankaŭ kontrolu la valoron kaj la kialon de la monpunoj.

Ke mastro ne havu la rajton reteni salajron de laboristo pro rompiĝo aŭ difekto de ilo okazinta dum la laborado ; ke li ankaŭ ne povu dekalkuli ian sumon por uzo de iloj, lumigo, aŭ hejtigo.

Ke centra speciala aŭtoritato povu fari leĝojn rilate la sanigaj alfaĉajojn, aerumo de ĉiuj laborejoj ; ventumo de manĝejoj kaj dormejoj. kiam la gedungitoj loĝas en la fabrikejo.

Ke la mastro, en sama okazo, estu devigata aĉeti manĝajojn kaj trinkajojn bonkvalitajn.

*** Multaj plendoj estis ricevitaj rilate la monpunojn aŭ deprenon de parto de l'salajro. Kelkaj strangaj ekzemploj de punoj estis citataj por kiuj estis pagitaj sumoj diversaj de S 0,04 ĝis S 0,50.

**Paroli, ridi, lerni aŭ kanti ; moki submajstron aŭ kunlaboranton ; manĝi panon kaj buteron ; ĵeti foliojn en la laborejo, k. t. p.**

Malgraŭ la leĝo de 1896, kelkaj mastroj devigas la gedungitojn pagi maljustajn punojn, sed feliĉe tio fariĝas pli kaj pli malofta. Tio precipe okazas inter la laboristoj kiuj ne ankoraŭ sin organizis, kiuj ne havas sindikaton ĉe kiu ili povus plendi. Tial estas necese ke nova leĝo, pli severa, protektu tiujn malfeliĉulojn. La komitato ankaŭ proponos ke la mastroj estu devigataj havi liston de la monpunoj, liston montrotan al la inspektoro de l'laboro, ĉiufoje kiam li ĝin petas.

*** Tre ofte estas malpermesata vivi ekster la fabrikejoj aŭ vendejoj por edziĝi. Multaj edzigitaj viroj tion ne kuraĝas konfesi por ne perdi kuŝejon kaj vivrimedon. Ili estas devigataj viziti sian edzinon sekrete.

Multaj estos la plendoj kontraŭ la malbonaj nutrajoj aŭ la nesufiĉeco de manĝajoj ; kelkafoje estas necese aĉeti diversajojn por sin satigi. Alie, eĉ se la manĝajoj estas sufiĉaj kaj bonaj, la tempo konsentita estas tro mallonga kaj la oficistoj fine malsaniĝas. La loĝejoj ankaŭ ofte estas malbonaj, tri aŭ kvarope oni dormas en ĉambretoj, eĉ tro malgrandaj por unu nura persono. Malgraŭ tiuj malbonaj flankoj de interna vivado, ĝi estas necesa en la industrioj kie ĝi ekzistas nun, ĉar preskaŭ ĉiuj gedungitoj estas gejunuloj kies gepatroj preferas tiun sistemon, kaj sen ĝi la mastroj ne havus la oficistojn necesajn.

Lasta deziro de la komitato estas ke, en okazo de malsano, la malsanuloj povu elekti sian kuracistonanstataŭ akcepti tiun proponitan de la mastro.

Ke tiuj deziroj ne restu projekto, sed fariĝu realajo. petos granda antaŭenpaŝo en la situacio de l'klaso labora !

P. B. (Londono).

**La senheredigitoj.**

Al la longa listo de ĉiujspecaj societoj jam ekzistantaj en Granda Britujo, oni nun povas aldoni la nomon de societo jus fondita kun celo protekti la infanojn kaj heredantojn tro ofte malriĉigitaj pro frenezeco aŭ manio de la testamentantoj.

La organizinto de tiu societo klare montras kiel ofte la edzino aŭ heredontaj gefiloj de riĉuloj sciiĝas ĉe la malfermo de l'testamento ke ili ne ricevos eĉ la plej malgrandan moneron, tial ke ĉiuj posedajoj estas dediĉitaj al iu ajn freneza ideo kiel ekzemple la disvastigado de l'industrio de korkaj pafiloj, konstruado de varmejoj por vagantaj hundoj aŭ katoj, k. t. p. Antaŭ kelkaj jaroj mortis freneza naturalisto, kiu lasis grandan familion — kaj grandan havajon. Li estis stranga maljunulo, kies sola intereso kaj plezuro estis vagadi laŭlonge la marbordojn admirante la mevojn. Lia testamento estis atesto de eksterordinara simpatio al la marbirdoj kaj speciale al la mevoj. Li rezervis grandajn sumojn por ĉiu el la diversaj specoj inter tiuj birdoj konataj en Granda Britujo. Li sciigis, en la miriga dokumento legita al la mirigitaj heredantoj, ke dum jaroj li suferis konstatante la malfeliĉan sorton de la mevoj dum la malvarmaj vintroj kaj sekve deziris ke tiu situacio ŝanĝu. Oni devus ekbruligi grandajn fajrojn sur la marbordoj por ke la birdoj povu sin varmigi dum la nebulaj noktoj.

Pro la stranga testamento de tiu maljuna frenezulo, lia familio estis devigata morti je malsato ; sed tio estis tute egala al li, se nur la mevoj estus bone nutritaj kaj hejtigitaj. Nur la vesperon antaŭ la decido prenota de l'juĝoj alia testamento. pli nova, estis trovita, kaj nur dank' al ĝi la gefiloj de l'naturalisto povis de nove sentime spiri.

Ĉiutage, tiaj testamentoj estas diskutataj ĉe la juĝejoj. Estas honto por Anglujo kaj Irlandujo, diras S-ro G.-W. Bower, la fondinto de la nova societo, ke ili estas la solaj landoj en la tuta civilizita mondo, kiuj ne havas limigon rilate la liberan disponon de l'bienoj post morto. En Skotlando, filo aŭ filino ĉiuokaze rajtas postuli trionon de l'heredajo ; eĉ la mahometanoj atentas ke neniu testamentu je profito de iu ajn freneza ideo kaj farigu sian familion senmonan.

Nuntempe en Londono kaj ĉie en Anglujo, oni renkontas veturigistojn kaj ĉiu specajn laboristojn, ankaŭ multajn senlaborulojn kaj senhejmulojn kiuj estus milionuloj sen la frenezaj testamentoj faritaj de ziaj gepatroj. Estas esperinde ke S-ro Bower kaj lia societo sukcesu en sia entrepreno kaj unue ke ili povu donigi al la Anglaj kaj Irlandaj juristoj la rajton revizi malĝustajn testamentojn.

P. B.

## GEOGRAFIO

### Vintraj Sportoj

La lastan monaton okazis en Grenoble (Franc.) grandaj vintraj festoj organizitaj de la Franca Turing Klubo, helpata de la lokaj societoj. Ili montris per sia sukceso ke nia urbo. jam ĉie konata kiel somera restadejo, klasiĝis inter la plej taŭgaj por la vintraj sportoj. Tion ĝi ŝuldas tiom, al sia mirinda sidejo meze de verda freŝa ebenajo, ĉirkaŭita de montetoj alkondukantaj al la konata masivo de la Grande Chartreuse, aŭ al la vertigodonaj pintoj de Alpoj. kiom al la Iniciata Sindikato, kies senĉesa laboro, plifaciligi la restadon kaj ekskursojn, ricevas nun siam rekompencon per la pli kaj pli multaj alilanduloj, kiuj ĉiujare pasigas tie ĉi sian libertempon.

La Turing-Klub'a karavano estis akompanata de oficiroj kaj soldatoj Norvegaj, mirigaj skiistoj senditaj de sia Registaro por pli altigi la intereson de tiuj festoj, kies ĉefa allogajo konsistis el skikuradoj. Du konkursoj estis organizitaj en Monestier kaj en Sappey, kie specialaj glitejoj kreitaj kaj zorgataj de lokaj komitatoj, ebligas al ĉiu, laŭ sia gusto, uzi ŝuglitilojn, glitveturilojn aŭ per ski'oj sin ekzerci al longaj saltoj. La ekskursistoj estis mirigataj de la facileco kun kiu dank' al ski'oj oni povas facile kaj rapide vagi tra kampoj kaj arbaroj, aŭ eĉ supreniri la plej altajn suprajojn, kies vintra ensorĉado estis ĝis nun preskaŭ ne konebla. La Norvegaj soldatoj, el kiuj kelkaj estis la instruantoj de niaj soldatoj skiistoj atingis salti, kvazaŭ flugante, ĝis 31[m]. Reveninte en Grenoble, invititaj de la Urbestraro por granda festeno, la Turing-Klub'anoj, antaŭ ol foriri, promesis reveni viziti detale la mirindajn lokojn al ili montritajn per kolorigitaj lumprojekcioj.

A. PLOUSSU (Grenoble).

### La urbegoj de l'mondo.

Laŭ la plej lastaj recenzoj, la terglobo kalkulas nun dektri urbegojn, kiuj havas pli ol unu miliono da loĝantoj. Jen estas ili : Londono (4.795.700) ; Nov-Jorko (4.114.000) ; Parizo (2.763.000) ; Ĉikago (2.049.000) ; Berlino (2.040.000) ; Vieno (1.711.000) ; Tokio (1.587.000) Filadelfio (1.442.000) ; Peterburgo (1.429.000) ; Moskvo (1.359.000) ; Konstantinoplo (1.106.000) ; Buenos-Ayres (1.084.000) ; Pekingo (1.000.000.). Tiuj ciferoj rilatas al la urbegoj mem, sen la praurboj aŭ ĉirkaŭurboj, kiuj estas politike apartaj, sed vive kunigataj. Ekzemple, Londono kun siaj ĉirkaŭurboj havas pli ol 7.000.000 da loĝantoj, Parizo 3.500.000, Berlino 2.700.000, k. c.

Estas interese kompari la suprajn ciferojn kun tiuj de la loĝantaro de la samaj urbegoj antaŭ cento da jaroj : Londono (953.000) ; Nov. Jorko (60.000) ; Parizo (547.000) ; Ĉikago (ne ekzistis) ; Berlino (172.000) ; Vieno (232.000) ; Tokio (1.000.000.) ; Filadelfio (70.000) ; Peterburgo (220.000) ; Moskvo (250.000) ; Konstantinoplo (600.000.) ; Buenos-Ayres (20.000) ; Pekingo (1.000.000).

Tiuj ciferoj montras la grandegan kreskon de la urbegaj loĝantaroj dum relative nelonga tempo. El ĉiuj la unuan lokon havas certe Ĉikago, kiu en 1800 tute ne ekzistis, en 1850 estis nur vilaĝeto de kelkaj loĝantoj, estas nun la kvara urbo de l'terglobo kaj baldaŭ verŝajne estos la unua.

R. A.

## KOMERCO & INDUSTRIO

### Mezaklasa Ekspozicio, Amsterdamo 1909.

La « Holanda Ligo de la Unuiĝoj de komercistoj kaj metiistoj mezaklasaj aranĝos dum la tempo de la 15[a] de Junio ĝis la 1[a] de Aŭgusto nunjara en la Amsterdama Industria Palaco « Mezaklasan Ekspozicion », kiu havas la por si mem utilan celon, konatigi kaj provi tiun holandan malgrandmetiaron, kiu estas devigata al maŝina laboro, je la plej novaj teknikaj helpiloj kaj montri ilin laborante kaj movigante. Por tiu ĉi celo modelmetiejoj estos provizataj per motoroj, maŝinoj kaj ilaro ; samtempe estos elmetotaj ĉiuspecaj bezonaj objektoj por la mezaklaso.

La ekspozicio estos dividata inter aliaj en la jenaj grupoj : 1° Vestajo, 2° Malgrandmetio por la prilaborado de oro, arĝento, kupro, ligno, argilo kaj fero, 3° Elektraj kaj aliaj maŝinoj por la malgrandmetio, 4° Reklamiloj kaj objektoj por la oficejoj de mezaklasuloj, 5° La ekspozicio staras sub la protektado de la holandaj ministroj de l'interno kaj de agri-

kulturo, industrio kaj komerco, de la reĝina komisario de l'provinco Nordholando kaj de la urbestro de Amsterdamo. La administrado restos en la manoj de kapablaj kaj fidindaj personoj. Detalajn informojn pri la ekspozicio, pri tarifoj kaj pri la regularo donas la Ekspozicia Administracio en Amsterdamo, adreso : Paleis voor Volksvlijt (Industria Palace), kien oni ankaŭ sendu la demandojn pri akcepto. Partoprenado de eksterlandaj firmoj estas dezirinda al la ekspozicia administracio.

D-ro. M. K.

## La Faktoj

*8 Febuaro, Romo.* — Finiĝo de la deputataro ; la balotoj okazos la $7^{an}$ kaj $14^{an}$ de marto.

*Parizo.* — Mortas aktoro Coquelin la pli maljuna.

*Parizo.* — Mortas poeto Catulle Mendès pistita de la vagonaro.

*9 Berlino.* — Alveturo de l'anglaj gereĝoj.

*10. Retch* (Persujo). — Gravaj malordoj. La revoluciuloj mortigas la guberniestron kaj oficistojn.

*Stokolmo.* — La Parlamento aprobas novan projekton pri balota reformo.

*11. Madrido.* — Brulado en l'*Escurail* detruas la Universitaton de la Agostinanoj.

*12. Berlino.* — La Angloj gereĝoj forveturas el la urbo.

*13. Romo.* — Grandioza festeno por rememorigi la neskiĝon de Lincoln.

*Mesino.* — Ĉesas la sieĝstato.

*Parizo.* — Okazas la $18^{a}$ kongreso de l'internacia ciklista unuiĝo.

*Villa Viciosa.* — Renkonto de la reĝoj de Hispanujo kaj Portugalujo.

*Peterburgo.* — Oni decidas la arestordonon kontraŭ Maksimo Gorki.

*14. Romo.* — Inaŭguro de Ekspozicio de duagradaj utiligoj de la vinberujo.

*Sofio.* — Oni fermas la kunsidojn de « Sobranjo ».

*15. Romo.* — Komenco de la laboroj en la kongreso de italaj terkulturistoj.

*Konstantinoplo.* — La jurnaloj publikigas la liston de l'nova ministraro en kiu superregas la junaj turkoj.

*16. Milano.* — Jogano Raicevich venkas ĉe la monda lukta konkurso.

*Washingtono.* — La deputataro aprobas la starigon de Arizono kaj Nova Meksiko al rango de ŝtatoj.

*Londono.* — La gereĝoj inaŭguras la kvaran kunsidaron de la deputataro.

*Parizo.* — Mortas markizo Emanuelo De Noailles, eksambasadoro de Francujo en Berlino.

*17. Peterburgo.* — Mortas grand duko Vladimiro Aleksandroviĉ.

*19. Romo.* — Alveturo de reĝino Viktorino de Svedujo.

*Rigo.* — Rusa teruristo vundas generalon sokeelco, prezidanto de la milita juĝistaro.

*20. Belgrado.* — Eksiĝo de ministraro Velimorovic.

*22. Peterburgo.* — La caro eksigis la finlandan deputataron. La balotaj okazos le $1^{an}$ de Junio.

*23. Novfortk.* — Prezidanto Rosewelt ĉeestas la paradon de l'Usona ŝiparo reveninta al la fama krozo.

*Peterburgo.* — Reĝo Ferdinando el Bulgarujo vizitas la Cazon.

*Germanujo.* — Grava superakvo de rivero Elbo.

A. Tellini.

NUNTEMPAĴO

# LA ESTONTECO DE L'AVIADO

*Necesaj progresoj : aviado por komerco & sportoj ; kosto de aviadiloj*

,..Ankaŭ ol fariĝi vere senriska kaj praktika, la aviado devas ankoraŭ multe progresi, sed tiuj progresoj estas eblaj kaj eĉ baldaŭ realigeblaj. Entute ili estas jenaj : $1^{e}$). Eltrovo de malpeza motoro tute certe kaj regule funkcianta, nek tro varmiganta. ; $2^{e}$). Instalebleco de du sendependaj motoroj movantaj du sendependajn helicojn, tiel ke oni povu flugi perunu, se haltas la alie ; $3^{e}$) Aŭtomata staremeco laŭlonge kaj laŭlarĝe, por ke la aviadisto ne bezonu zorgi pri ekvilibro ; $4^{e}$). Praktika ĵet maniero, necesiganta nek specialan materialon ĉe la forflugo, nek vastan kampon ; $5^{e}$). Pligrandiĝo de la produkto, tiel ke oni povu transporti plurajn personojn kaj nutraĵojn ; $6^{e}$). Pligrandiĝo de la rapideco, kiu por esti vere profita, devos atingi 150 aŭ 200 kilometrojn hore ; $7^{e}$). Ebleco de malrapidiĝo aŭ eĉ de senmoviĝo en la spaco.

Estas evidente, ke por tiu, kiun ne troentuziasmas la ĵusaj sukcesoj, la nunaj aparatoj, kun sia malfacila procedo por forflugo, siaj kapricemaj motoroj, sia nesufiĉa staremeco, povas havi nenian militan aŭ komercan aplikon ; neniu ankoraŭ maltimis flugi super urboj aŭ maroj, nek altiĝi je kelkaj centoj da metroj. Sed estas certe, ke oni sukcesos ; la granda rapideco de la progresoj faritaj de post la ĵusa naskiĝo de l'aviado garantias al ni, ke post ne longe ni havos faciluzeblajn aparatojn. Tiam, por kio ili estas uzeblaj kaj kio regultos de ilia elpenso ? Por trakti tiun demandon, en kiu troviĝas multe da malcerteco volumo estus necesa, sed de nun oni povas difini kelkajn gravajn punktojn.

...El komerca vidpunkto, oni povas difini al la aviado la plej brilan estontecon. Oni scias, ke en la interhomaj komunikoj la rapideco estas ĉio. *Time is money* diras tre ĝuste la Britoj. Klan grandan estontan signifon havos aparato, kiu flugos je 100, 150, eble 200 kilometroj hore, kapabla foriri de kie oni volas kaj kiam ajn oni deziros. Ekzemple : per rapida vagonaro sep horoj estas necesaj por veturi el Parizo Londonon ; krome, nur du rapidaj vagonaroj korespondas kun ŝipoj ; se ni konsideras, ne la tempon de l'vojaĝo, sed la tempon, kiu pasas inter la momento, kiam montriĝas la neceseco iri el Parizo Londonon kaj la alveno, ni vidas, ke meznombre ĝi estos 12 : 2 7 = 13 horoj. Rektlinie, la distanco estas nur 400 kilometrojn ; laŭ la irado de 100 kil. hore la vojaĝo postulos malpli ol 4 horoj ; kiam oni flugos po 200 kil. la vojaĝo ne daŭras du horojn ! Sekve, kiam tiu mirinda aparato estos praktike uzata, oni povos matene pritrakti aferon en Parizo, kaj se oni bezonas ĝin priparoli en la brita ĉefurbo, oni povos je la $II^{a}$ uzi sian aparaton, alveni du-kvar horojn poste, interŝanĝi ĉiujn necesajn ideojn kaj subskribojn kaj reveni en Parizo por vespermanĝo aŭ vespero, fininte samtage la gravan aferon, kiu kaŭzis tiun vojaĝon La telegrafio kaj telefonio ebligis samtempan komunikiĝon inter la plej malproksimaj lokoj ; aviadilo ebligos preskaŭ samtempan transportiĝon de loko al alia.

Sed oni povas esti certa ke la progreso de la aviadiloj antaŭ ĉio interesos la sportistojn. La neebleco havi pezajn pakaĵojn, stari je granda alteco aŭ halti super difinita loko, estas malgrava por la turisto ! Uzante la aviadilojn, li havos la grandegan kaj nedifineblan ĝuon senti sin absoluta estro de siaj movoj en la tempo kaj spaco ! En kio konsistas la plezuro de l'bicikletiro, la plezurego de l'aŭtomobiliro, se ne la sento pri la libereco iri kien oni volas, foriri kaj halti kiam oni volas ?

Tamen, tiuj du veturiloj estas ligataj al la vojoj, ili estas neapartigeblaj de tiu tersupraĵo, sur kiu oni devas veturi meze de l'polvo, kun la timo surpremi bestojn kaj eĉ homojn ! Al tiu grava libereco la flugmaŝino aldonos trian elementon, nome la alteco. Ĝi laŭvole, sen baro, povos altiĝi kaj flugi al ĉiuj direktoj. Antaŭ si ĝi havos la spacon senfinan, for de l'polvoj kaj malparaĵoj, en kiaj ni hodiaŭ devas vivi kaj moviĝi.

Se, pro la kutimforto, ni, kiuj emas rilatigi ĉiujn impresojn al la nuna aferstato, sentas an timon nin riski ĉi-supre, nevole maltrankviligataj de la ideo pri falo, ni male post pripenso ekvidos, ke la aviadistoj, tuj kiam ili uzos aparaton laŭ la supre difinitaj kondiĉoj, havos malpli da riskoj ol la aŭtomobilistoj. Tiuj ĉi, efektive, moviĝas sur mallarĝaj vojoj, konstruitaj ne speciale por ili. Ili povas ĉu renkonti aliajn veturilojn, ĉu saltegi pro nevidita ŝtono, ĉu rompiĝi kontraŭ arbo aŭ fali en fosaĵon, k. c. ; la ĉiutagaj kronikoj estas bedaŭrinde plenegaj de tiaj akcidentoj. Male, en la spaco, plena movlibereco, sen baro, sen alia limo ol la tero. Oni ja renkontos aliajn aerveturilojn, sed havante tri dimensiojn, ligite al nenia vojo, oni facile ilin evitos. La faloj pro motorhaltoj estas preskaŭ tute eviteblaj, kiam oni havos du motorojn kaj certan ekvilibrigon. Resume, la aeroplano aŭ helicoplano, se, kiel verŝajne, tiu lasta, post kelkaj perfektiĝoj, triumfos el la aviadiloj, kuniĝos ĉiujn profitojn kaj ĉarmojn de l'aŭtomobilo, per kiu ni ĝuegas liberecon kaj rapidecon kun tiuj de l'balono, per kiu nin ravas la pura aero, la senlimo kaj la mirinda vidaĵo. « La aviado estas la plej agrabla veturado ! diras Ernest Zens. Tiel multaj kaj ensorĉaj estis miaj impresoj, ke mi estis tute emociita... Post la elo, la forflugo estis por mi la plej emocia rminuto. Tiu forflugo ŝajnis al mi neniel danĝera. Mi dum la flugo havis senton pri plena senriskeco. Ŝajnis, kvazaŭ mi estus en rapidega kurveturilo glitanta sur dolĉa tapiŝo. » — « Mi neniam kredis, ke tia estas la realeco ! ĝi estas mirinda ! diras S-ro Hart O. Bert, la manaĝero de Wilbur Wright. »

Tiu sporto estos tiel facile farebla kiel nun aŭtomobilismo ; bona aviadilo kostos malpli ol luksa aŭto ; ĝi bezonos nek kostajn pneŭmatikojn senĉese ŝanĝotajn. La sindikato Weiler fondita por la vendo de flugmaŝino Wright liveras de nun tian aparaton po 10.000 $. Post kelkaj jaroj tiaj aparatoj estos aĉeteblaj certe pli malkare. Ili efektive konsistas nur el lignaj bariloj aŭ metalaj tuboj, kelkaj metroj da tolo, unu aŭ du paroj de helicoj lignaj aŭ metalaj kaj motoro, kiu sola prezentas iom gravan valoron. Nenio malhelpas, ke kiam oni fabrikos aparatojn laŭ elprovita modelo, bonega flugmaŝino kostos de 2.000 ĝis 2400 $.

L. Sagerac de Forge. (2)

(1) *Aviad* ; nova radiko por montri la flugon per aparato pli peza ol la aero. Lariadilo). Aeroplano estas speco de aviadilo. Aviadi- flugi per aviadilo.

(2) Trad el gazeto l'*Aviateur*, laŭ la verko *l'Homme s'envole*. (la homo ekflugas).

INTERNACIAJ DOKUMENTO

# INTERNACIA INSTITUTO
## DE BIBLIOGRAFIO

### La Generala Organizo.

La Internacia Instituto de Bibliografio estis fondita en Bruselo, kun la celo perfektigi kaj uniformigi la bibliografiajn metodojn, organizi la internacian bibliografian kunagadon, prepari Universalan Bibliografian Katalogon.

Tuj poste, klopodoj faritaj de la Instituto al la belga Registaro fondigis en Bruselo Internacian Oficejon de Bibliografio, kun la celo « starigi kaj publikigi Universalan Bibliografian Katalogon, organizi la funkciadon de tiu katalogo kaj la studadon de ĉiuj bibliografiaj demandoj ».

De tiu epoko, la Instituto kaj la Oficejo intime kuniĝis siajn laborojn. La Instituto, per la helpo de siaj membroj, kiuj loĝas en ĉiuj landoj kaj havas ĉiujn necesajn sciencajn kompetentecojn sin dediĉis prefere al la studado de la metodoj ; la Oficejo, siaflanke laboris por la starigo de la bibliografiaj katalogoj. Tiuj du agadoj estas tiel intime miksitaj, ke oni ne povas ilin apartigi en tiu monografio.

Le ĉefa celo de la Instituto estas la starigo de la Universala Bibliografia Katalogo, kiu estas kolekto de bibliografiaj notoj, kiel eble plej plena kaj datala, pri ĉiuj publikaĵoj en la mondo (libroj, gazetoj, ĉiuspecaj dokumentoj). Tiuj notoj, klasifikitaj laŭ metodo pri kiu mi parolos poste, estas unika laborilo por la scienculoj, por la serĉado de informoj kaj dokumentoj pri ĉiu temo. Tiu Universala Katalogo devas enhavi informojn pri la publikaĵoj de ĉiuj epokoj, landoj, kaj pri ĉiuj temoj.

Dank'al tiu universaleco, la Katalogo donas respondon al ĉiuj demandoj, kiujn oni bezonas pri bibliografia serĉado, ekzemple : pri ĉiuj verkoj de iu verkisto, pri ĉiuj tradukoj de iu verko, pri ĉiuj verkoj aperintaj en iu urbo aŭ je iu dato pri ĉiuj verkoj kiuj koncernas iun specialan temon ktp... Tiu katalogo estas tute malsama ol la katalogoj de la ordinaraj bibliotekoj. Efektive, tiuj katalogoj donas informojn nur pri libroj konservitaj en iu speciala loko : la bibliografio, kontraŭe, ebligas havi informojn pri ĉiuj libroj kaj dokumentoj, kiuj ekzistas en ĉiu ajn loko.

Laŭ proksimumaj statistikoj, la nombro de la bibliografiaj dokumentoj (libroj, artikoloj de gazetoj, bultenoj de sciencaj societoj ktp.) estus almenaŭ 25 milionoj, depost la eltrovo de la presarto ĝis 1900, kaj ĉiujare aperas pli ol 100.000 novaj dokumentoj. Noti kaj klasifiki tian multecon da dokumentoj estas nepre necesa.

Por ke la starigo de tiu grandega Katalogo estu ebla, la Instituto devis alpreni severajn organizajn regulojn, Jen la tri fundamentaj :

1° La bibliografiaj notoj estos redaktitaj sur slipoj (kartoj), kiuj havas komunan formaton, de 125-75 milimetroj. Oni skribas sur ili paralele al la pli granda flanko, kaj tiuj slipoj estas traboritaj, malsupre, por ke oni povu ilin fiksi en skatoloj per metalaj vergoj. Tiamaniere, oni evitas ilin misksi aŭ perdi.

2° La bibliografiaj notoj estas redaktitaj en laŭ antaŭefiksita samkonforma maniero.

3° Tiuj notoj estas klasifikitaj laŭ speciala metodo, nomita *decimala klasifiko*.

La apliko de tiuj reguloj ebligas ke oni povu uzi, por la starigo de la Bibliografia Katalogo, la kunhelpon kaj kunlaboradon de ĉiuj personoj kaj institucioj. Efektive, nur sufiĉas, ke oni faru ian apartan katalogon, observante severe tiujn regulojn por ke tiu katalogo povu esti enmetita en la universala Bibliografia Katalogo, kies parto ĝi estas. Ekzemple : la Esperantista Centra Oficejo entreprenis fari la bibliografian katalogon de Esperanto. Por tio, ĝi aplikis, tiujn regulojn, kaj la katologo tiel farata povos esti uzata de la Internacia Instituto de Bruselo kaj enmitita en la skatolojn, meblojn kaj publikaĵojn de tiu Instituto.

En tiu artikolo, ni ne provos doni detalajn klarigojn pri la du unuaj reguloj, aranĝo de la slipoj kaj redaktado de la bibliografiaj notoj. Oni trovos ĉiujn detalojn en la speĉialaj libroj. Sed, mi devas doni almenaŭ la principon de la klasifika metodo uzata de la Instituto kaj nomata Decimala Klasifiko.

La Instituto, de sia fondo, multe grandigis sian agadon. Lastatempe, la Reĝa Biblioteko de Berlino alprenis sian modelon de slipoj. Ĝi plie fondis naciajn filiojn, kiuj faciligas la rilatojn de la Instituto kun la diversaj landoj En Parizo ekzistas Franca Bibliografia Oficejo, kies prezidanto estas nia eminenta samideano Generalo Sebert.

### La Decimala Klasifiko.

*1° Generalaj principoj*

Oni supozu, ke la tuto de la homaj konoj estas reprezentata de la cifero 1. Oni dividis tiun tuton en dek klasoj, kiujn oni reprezentos per la ciferoj : 0, 1, 2, 3, 4, 5, 6, 7, 8, 9.

Tiuj klasoj estas jenaj :

| | |
|---|---|
| 0,0 | Generalaĵoj, Bibliografio. |
| 0,1 | Filozofio. |
| 0,2 | Religio. Teologio. |
| 0,3 | Socialaj sciencoj. Juro. |
| 0,4 | Filologio. |
| 0,5 | Naturaj sciencoj. |
| 0,6 | Aplikataj sciencoj. |
| 0,7 | Belartoj. |
| 0,8 | Literaturo. |
| 0,9 | Historio kaj geografio. |

Ĉiu el tiuj dek grupoj povas do esti konsiderata kiel decimala fracio de la tuto de la homaj konoj. Ĉiun el ili oni ankaŭ dividas en dek partoj, ĉiam reprezentataj de la samaj ciferoj, kaj oni daŭrigas senlime tiun dividadon.

Ekzemple :

| | |
|---|---|
| 0,5 | Sciencoj naturaj. |
| 0,53 | Fiziko. |
| 0,535 | Optiko. |
| 0,5357 | Fiziologia optiko. |
| 0,53575 | Rolo de la retino en la vidado. |

Oni komprenas, ke ĉiu divido devas havi pli ol dek subdividoj. Ĝi povas havi malpli, konservante disponeblajn ciferojn, por rubrikoj necesigitaj de venontaj progresoj de la scienco.

En la praktiko, oni forprenas la nulon kaj la komon, kaj oni skribas nur .5,535, 5357.. sed kiam oni volas ordigi tiujn nombrojn, oni ne devas forgesi ke reale, ili estas nur partumoj de neentjeraj nombroj : sekve oni devas ilin ordigi, ne laŭ ilia vera grado, sed cifero post cifero, komencante per la unua, kiel oni ordigas la vortojn de vortaro.

Ekzemple : 46, 472 49, 491.

### 2. Konunaj Subdividoj.

Flanke de tiuj nombroj, oni uzas ankaŭ nombrojn, almetatajn, per signoj diversaj, ĉu krampoj, ĉu duoblaj krampoj, ĉu signo, — ĉu signo : ĉu signo = por nontri komunajn subdividojn. Oni povas subdividi, laŭ la formo ĝenerala, laŭ la loko, laŭ la dato, laŭ la lingvo. Ekzemploj klarigos tiun ideon :

(01) montros ke la verko estas teorio ĝenerala pri... Ĉar matematiko estas riprezentata de la nombro 51, teorio ĝenerala pri matematikoj estos 51 (01).

(05) montras periodajn publikaĵojn. Do, revuo, gazeto, pri matematikoj estos 51 (05).

(09) estas historio de... Do, historio de matematikoj estos 51 (09).

Tiuj novaj nombroj ne povas esti konfuzataj kun la aliaj, ĉar ili estas inter krampoj, kaj antaŭ ili, estas nulo.

Por montri la lingvon, en kiu estas verkita la dokumento, oni uzas la signo. = Lingvo angla estas 42, germana 43, franca 44. Oni forprenas la unuan ciferon 4, kiu estas la ĝenerala signo de Filologio, kaj oni metas anstataŭe, la signon.

Tiel, teorio ĝenerala de matematikoj en lingvo angla, estos 51 (01) = 2.

Historio de matematikoj en lingvo franca estos 51 (09) = 4.

Por montri la daton, la epokon pri kiu oni parolas, en la dokumento klasigota, oni uzas duoblan krampon « » kaj inter la krampoj oni metas la nombron kiu signas la jaron aŭ la jarcenton.

Ekzemple : Historio de matematikoj dum la XV-a jarcento estos 51 (09) (14). ĉar la XV-a jarcento enhavas la jarojn de 1400 ĝis 1499.

Por montri la lokon geografian, oni uzas simplajn krampojn, kiel por la ĝeneralaj formoj, sed oni ne metas antaŭan nulon, Tiel Anglujo estas 42, Aŭstrujo 436, Italujo 45, Francujo 44.

Ekzemple : Historio de astronomio en Francujo, la signo de Astromonio estas 52 = 52

FELIETONO DE « ESPERANTO »

# RAKONTO
PRI
# SEP PENDIGITOJ

De Leonid ANDREJEV

**Dediĉita al Lev Nikolajeviĉ Tolstoj.**

## I. Je l'unua horo. Via Ekscelenco.

Ĉar la ministro estis homo grasa, minacata de apopleksio, tial oni lin avertis per ĉiaj antaŭzorgoj, evitante elvoki danĝeran agitiĝon, ke oni aranĝas kontraŭ li tre gravan atencon. Vidante ke tiu ĉi informo estis trankvile aŭskultita de la ministro, eĉ kun rideto, oni rakontis al li mem la detalajojn : la atenco estas efektivigota morgaŭan tagon matene, kiam li veturos kun raporto : kelkaj teruristoj, jam perfiditaj de provokisto, kiuj nun estas sub senĉesa observado de spionoj, estas venontaj kun bomboj kaj revolveroj je l'unua posttagmezo apud la alveturejo kaj atendos lian aperon. Tie ĉi oni ekkaptos ilin.

— Atendu, — miris la ministro : — do kiamaniere ili scias, ke mi je l'unua horo veturos kun raporto, se mi mem nur antaŭhieraŭ eksciis tion ĉi ?

La gardestro malprecize dismetis la manojn : — precize je l'unua horo, Via Ekscelenco. Ĉu mirante aŭ aprobante la agon de polico, kiu aranĝis ĉion tiel bone, la ministro ekbalancis la kapon kaj malserene ekridetis per dikaj malhelaj lipoj, kaj kun tia sama rideto, obeeme ne dezirante malhelpi plu ajn agojn de polico, li rapide pretiĝis kaj forveturis en ies fremdam gastеman palacon por nokti tie. Ankaŭ lia adreso kun du infanoj forlasis la danĝeran domon, apud kiu morgaŭ konvenos la bombjetistoj.

Dum la fremda palaco estis lumigita kaj afablaj konataj vizaĝoj salutadis, ridetis kaj indignis, la altrangulo sentis agrablan ekscitiĝon, kvazaŭ oni jam donis al li aŭ baldaŭ donos grandan neatenditan rekompencon. Sed la homoj forveturis, la lumo estingiĝis kaj tra spegulvitraj fenestroj aperis sur plafono kaj muroj punta fantoma lumo de elektraj lanternoj : fremda en tiu ĉi domo kun pentraĵoj, statuoj kaj silento, la lumo mem kvieta kaj nedifinita vekis maltrankvilan penson pri vaneco de rigliloj, gardado kaj muroj. Kaj tiam nokte en silento kaj soleco de fremda dormoĉambro al altrangulo fariĝis neelporteble terure. Li suferis iom de renoj kaj dum ĉiu forta agitado lia vizaĝo, kruroj kaj brakoj pleniĝadis per akvo kaj ŝvel ĝadis, de tio ĉi li fariĝis kvazaŭ pli granda, pli dika kaj pli masiva. Ankaŭ nun, supreniĝante sur la alpremitaj risortoj de la lito kvazaŭ monto de aerplenigita karno, li per sopiro de malsana homo sentis sian ŝvelintan vizaĝon kvazaŭ fremda kaj senĉese pensis pri tiu kruela sorto, kiun homoj preparadis por li. Li rememoris unu post la alia ĉiujn lastatempajn teruraĵn okazintajojn, kiam sub homojn de lia altrango kaj eĉ pli altrangaj oni ĵetadis bombojn, kiuj dispecigadis la korpon, disŝprucadis la cerbon sur malpuraj brikaj muroj, elbatadis la dentojn el dentingoj. Kaj de tiuj rememoroj lia propra grasa, malsana korpo dismetiĝinta sur la lito, ŝajnis jam fremda, suferanta jam de fajra forte de eksplodo ; li imagis, kvazaŭ la brakoj ĉe la ŝultroj disiĝas de torso, la dentoj elfalas, la cerbo dividiĝas je l'partetoj, la kruroj rigidiĝas kaj obeeme kuŝas per la fingroj supren, kiel ĉe mortinto. Li troe moveтiĝis, laŭte spiradis, tusis por neniel simili mortinton, ĉirkaŭis sin per viva bruo de sonantaj risortoj, de kraketanta litkovrilo, kaj por montri, ke li estas tute viva, neniomete eĉ mortis, ke morto estas malproksime, li laŭte kaj interrompe voĉbasis en silento kaj soleco de dormoĉambro : — Brav-ul-oj ! Brav-ul-oj ! Brav-ul-oj !

Tiel ĉi li laŭdis la spionojn, policon kaj soldatojn, ĉiujn, kiuj gardas lian vivon kaj tiel ĝustatempe, tiel lerte antaŭ forigis la mortigon. Sed movetiĝante, sed laŭdante, sed ridetante per malrekta rideto por imagi sian mokon je l'malsaĝaj teruristoj — malspertuloj, — li ĉiam ankoraŭ ne kredis sian savon, ne kredis, ke lia vivo subite, unumomente ne foriros de li. Morto, kiun ekintencis kontraŭ li homoj kaj kiu estis nur en iliaj pensoj, en iliaj intencoj, jam staris kvazaŭ tie ĉi, ĝi staros, ĝi ne foriros, ĝis kiam oni ne kaptos tiujn, ne forprenos ĉe ili la bombojn, kaj ne metos ilin en fortikan malliberejon. Jen ĝi staras en tiu angulo kaj ne foriras — ne povas foriri, kiel obeema soldato, starigita garde per ies volo kaj ordono.

— Je l'unua post tagmezo, Via Ekscelenco ! — sonadis laŭgrade la dirita tage frazo per ĉiuspecaj tonoj : jen gaje mokema, jen kolera, jen obstina kaj sensenca kvazaŭ oni metis en dormoĉambron centon da ekparolintaj gramofonoj kaj ĉiuj ili, unu post la alia, kun idiota penemeco de maŝino elkriadis la ordonitajn al ili vortojn : — Je l'unua post tagmezo, Via Ekscelenco !

Kaj tiu ĉi morgaŭa « Je l'unua », kiu tiel antaŭ nelonge neniel diferencis de aliaj, estis nur trankvila movo de hormontrilo sur ciferplato de ora horloĝo, subite ekposedis malbonaŭguran konvinkecon, elsaltis de ciferplato, ekvivis aparte, elstreciĝis, kiel grandega nigra kolono, distraĉanta la tutan vivon duone, kvazaŭ nek ĝis, nek post ĝi neniaj aliaj horoj ekzistadis kaj nur ĝi sola arogantega kaj dubinda rajtis ian specialan ekzistadon.

— Nu ? Kion ci bezonas ? — tra dentoj, kolere demandis la ministro. Gramofonoj kriegis : — Je l'unua, Via Ekscelenco ! — kaj la nigra kolono ridetis kaj reverencis. Dentgrincinte la ministro leviĝis sur la lito kaj sidiĝis, apoginte la vizaĝon per manplatoj ;— li tute ne povis ekdormi dum tiu ĉi abomena nokto. Premante la vizaĝon per ŝvelintaj parfumitaj manplatoj, li kun teruriga heleco prezentis al si, kiel nenion supozante li morgaŭ leviĝus, poste nenion supozante trinkus kafon, poste sin vestus en vestiblo. Kaj nek li, nek pordisto alportanta pelton, nek lakeo servinte kafon n scius, ke estas tute sensence trinki kafon, vesti pelton, kiam post kelkaj momentoj ĉio ĉi : la pelto, lia korpo kaj la kafo en ĝi estos neniigitaj per eksplodo, prenitaj de morto. Jen pordisto malfermas vitran pordon... Kaj estas li, kara, bona, karesema pordisto, kiu havas bluajn, soldatajn okulojn kaj ordenojn sur la tuta brusto, li mem per siaj manoj malfermas la teruran pordon — malfermas, ĉar li nenion scias. Ĉiuj ridetas, ĉar ili nenion scias.

— Oh ! — subite diris li laŭte kaj forprenis de la vizaĝo malrapide la manplatojn. Kaj rigardante en mallumon, malproksimen per haltinta streĉita rigardo, same malrapide tiris la manon, ekpalpis la branĉon de murlampo kaj lumigis. Poste li sin levis kaj sen pantofloj nudpiede sur tapiŝo ĉirkaŭiris fremdan nekonatan dormoĉambron, trovis ankoraŭ unu branĉon de murlampo kaj same lumigis. Fariĝis hele, agrable, kaj nur la malordigita lito kun falinta planken kovrilo atestis ian ne ankoraŭ plene pasintan teruron.

En nokta tolaĵo kun, malkombita de agitaj movoj, barbo kaj koleraj okuloj la altrangulo similis ĉiun alian koleran maljunulon, suferantan de sendormemo kaj malfacila spirado.

Kvazaŭ morto, kiun preparis por li homoj, nudigis lin, senigis de admirindeco kaj imponanta lukso, kiuj ĉirkaŭis lin, kaj estis malfacile kredi, ke estas li kiu posedis tian grandan potencon, ke ĝi estas lia korpo, tiel ordinara, simpla homa korpo, kiu estis pereonta en terura fajro kaj monstra bruegfrapo de eksplodo.

Ne sin vestante kaj ne sentante malvarmon, li sidiĝis en ian ajn pli proksiman apogseĝon, apogis per mano la malkombitan barbon, kun profunda kaj trankvila enpensemo serioze fiksis per okuloj modelitan nekonatan plafonon.

— Ah, jen la afero ! Jen kial li tiel malkuraĝiĝis kaj tiel agitiĝis ! Jen kial ĝi staras en angulo kaj ne foriras, kaj ĝi ne povas foriri ! — Malsaĝuloj ! diris li malestime kaj aŭtoritate. — Malsaĝuloj ! — ripetis li pli laŭte kaj iom turnis la kapon al pordo por ke aŭdu tiuj, al kiuj tio ĉi rilatas. Kaj tio ĉi rilatis al tiuj de li ĵus nomitaj *bravuloj*, kiuj kun troa servemo detale rakontis al li pri okazonta atenco. — Nu, kompreneble, — pensis li profunde per subite fortiĝinta kaj ordigita penso, — ja nun, kiam oni rakontis al mi, mi scias kaj timegas, alie mi ja nenion scius kaj trankvile rinkus kafon. Nu, kaj poste kompreneble, venus tiu ĉi morto, — sed ĉu mi tiel timas la morton ? Jen miaj renoj doloras, kaj mi do mortos iam, tamen mi ne timegas, ĉar mi nenion scias. Do tiuj ĉi malsaĝuloj diris : je l'unua, Via Ekscelenco. Kaj ili, malsaĝuloj, pensis ke mi ĝojos, sed anstataŭe ĝi stariĝis en angulo kaj ne foriras : ne foriras, ĉar ĝi estas mia penso. Kaj ne la morto terurigas, sed kono pri ĝi ; estas tute neeble vivi, se la homo povas precize kaj difinite koni la tagon kaj horon, kiam li mortos. Kaj tiuj ĉi malsaĝuloj avertas : je l'unua, Via Ekscelenco !

Trad. D-ro J. Ostrovski.

*(Daŭrigota).*

(09) (44).

Se oni volas montri ke tiu histor'o estas verkita en angla lingvo : 52 (09) 44 = 2.

Kaj se tiu verko rilatas al historio de astronomio en Francujo, nur dum la XIX-a jarcento 52 (09) (44) (18) = 2.

### 3. Kelkaj aplikoj.

Nun, kelkaj vortoj pri la geografia klasifiko, tial ke tiu klasifiko, tial ke tiu klasifiko estas uzata de UEA por ĝiaj propraj dokumentoj.

Mi diris, pli supre, ke la geografiaj informoj estas montritaj per ciferoj metitaj inter simplaj krampoj, kaj mi donis ekzemplojn. Nun, jen kelkaj ekzemploj pri la geografiaj nombroj.

| | |
|---|---|
| 4 | Eŭropo. |
| 494 | Svisujo. |
| 494.4 | Francaj kantonoj de Svisujo. |
| 474.42 | Ĝenevo. |

Tiel, societo esperantista de la kantono de Ĝenevo estus 40892 (062) (494 42.)

Ĉar 40892 signifas Esperanto.

| | | |
|---|---|---|
| 062 | — | Societo. |
| 494.42 | — | Kantono de Genevo, |

La Universala Esperanto Asocio estas 40892 (062.3) (∞). Ĉar la signo (∞) montras la universalecon kaj la konsulo de la UEA kiu loĝas en Bruselo estos 40892 (062.3) (∞) 341.81 (493.211.1). Ĉar 341.81 signifas konsulo (493.211.1) signifas Bruselo.

Kaj (062.3) montras societon de ĝeneralaj aplikoj de Esporanto.

Tiu sistemo ŝajnas iom komplika, sed ĝi klariĝas tre bone. kiam oni atente esploras ĝin. En tiu artikoleto, mi povis nur doni mal precizan ideon pri ĝi, sed mi notas pli sube re crencojn, al kiuj mi turnas, la atenton de miaj legantoj.

GABRIEL CHAVET

Oni legu : en *Esperanto* : *Principoj de decimala klasigo kun apliko al Esperontismo,* de Gabriel Chavet (*Tra la Mondo,* N-roj 8 kaj 10,1906) en *Franca lingvo* : *Bibliographie de l'Esperanto et classification décimale universelle* (Paris, 1908, Centra Oficejo, 0 fr. 50.)

*Manuel du répertoire bibliographique universel,* Bruxelles, Institut International de Bibliographie, 1, rue du Musée, 50 francs.

*Extrait du Manuel limité aux parties plus spéciatement applicable à la bibliographie de la langue internationale auxiliaire Esperanto,* Bruxelles, sama eldoninto, 1 fr. 80.

# UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO

U. E. A.

## OFICIALA INFORMILO

Fako Iª : ADMINISTRADO

*Voĉdonado.*

La voĉdonado pri fa propono rilata al la kreo de Aerveturada fako kaj elekto de S-ro G. Roy kiel komitatano liveris la jenajn rezultatojn :

| | |
|---|---|
| Voĉdoniloj ricevitaj. . . . . | 78 |
| Voĉoj esprimitaj . . . . . . | 82 |
| Jes . . . . . . . . . . . . | 79 |
| Ne . . . . . . . . . . . . | 3 |

Konsekvence, la propono rilata al la kreo de nova fako Aerveturado estas akceptita kaj S-ro G. Roy estas elektita komitatano por la dirita fako.

Diversaj Delegitoj ne voĉdonis aŭ esprimis sian opinion en letero. Ni rememorigas, ke *ĉiuj* niaj Delegitoj havas la devon partopreni en la voĉdonadoj kaj esprimi regule sian opinion rilate al la demandoj prezentitaj. Ili bonvolu ĉiam uzi la voĉdonilon, detranĉotan el la Oficiala Bulteno kaj ĉu sendotan kiel presaĵo, ĉu gluotan sur poŝtkarton.

*Servo de ekspedado.*

Kiel ni diris en nia lasta nº. nia servo por ekspedado de diversaj Esperantiaĵoj (jarlibro, insignoj, membrokartoj, listoj, k. c.) estas plene reorganizita kaj ĉiuj mendoj estos akurate plenumataj. Ĉiuspecajn mendojn oni sendu al : Esperantio, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève.

*Oficiala Jarlibro.*

La 2ª eldono de nia Oficiala Jarlibro (Iª serio) ĵus aperis. Ĉar ĝia dikeco ankoraŭ kreskis, ni devis plialtigi ĝian prezon ĝis ₷ 0,25. Tamen, la personoj, kiuj ĝin mendis laŭ la antaŭa prezo, ricevos ĝin sen plua pago. Pro ĝia graveco, ĉiuj niaj membroj nepre devas akiri tiun utilegan verkon.

*Kontrolado.*

Laŭ la regularo, ĉiuj Esperantianoj havas la rajton plendi al la komitato, se ili ne ricevis la servojn, kiujn ili rajtas interŝanĝe de la pago de sia kotizaĵo. En tiu okazo, ili bonvolu skribi regulan plendo-leteron al la komitato de U. E. A. (fako administrado) kun motivoj, dato de leteroj skribitaj kaj neresponditaj, k. c. La komitato de U. E. A., per la kompetenta fakestro, tuj faros la necesan enketon kaj poste respondos al la plendinto pri la rezultato de la dirita enketo. Pro la seriozeco de nia asocio, ni tre petas niajn membrojn, ke ili ne preterlasu tiun rajton, kiu por ni estas la plej bona kontrolo. Kompreneble, niaj membroj havas plendorajton, nur se ili uzas niajn servojn, konforme al nia regularo, speciale aldonis markon aŭ kuponon por la respondo kaj la numeron de sia membrokarto.

**Novaj Subdelegitoj.**

ABERDEEN (Skotlando). — S-ro Agnes Duguid (The Mains Cults).

AMELIE-LES-BAINS (Pyr. Orient. Franc.). — D-ro Achintre (Milita hospitalo).

ALTENBURG-IN-SA (German). S-ro P. Kreutzmann (Lossenerstr. 2).

ARCOS DE VALDEVEZ (Portugal). — S-ro J. M. Barbeitos da Sylva..

ATH (Hainaut-Belg.). — S-ro E. Hotton (rue de Gand).

AUERBACH-INVO (German). — S-ro O, E. Petzold. (Plauenstr. 6.)

BRUGES (Belg.). — S-ro E. Van Weyenbergh (Camp de Beverloo).

BRUXELLES (Belg.). S-ro P. Berger (3, rue du Bois-Sauvage).

CAEN (Franc.) — S-ro H. Lavoney (190, rue Saint-Jean).

CARACAS (Venezuela). — S-ro da. S. Briceno.

CHARLESTON (P. C. Usono). — S-ro V. C. Dibble (76 Wentworth).

CHARLOTTENBURG )German). — S-ro O. Bergmadn (Krummenstr. 74).

CHAUTAUQUA (W. J. Usono). — S-ro S. H. Roy (31 Millen Ave).

COLORADO SPRINGS (Co-Usono). — S-ro O. Bergmann (Box 873).

DECAZEVILLE (Aveyron Franc). — S-ro J. H. Ingland (47, rue Cayrade).

ELIZABETH (W. J. Usono). — S-oo R. B. Torre.

EU (Franc). — S-ro Truelle (place Saint-Jacques).

GOTEBORG (Sved.). S-ro W. Giortberg (Kjellmansg 2).

GUILDORF (Angl.). — S-ro H. T. Arni (3 Commercial Rd.).

JETCHWORTH (Herts-Angl.). — S-ino Bartholomen.

LAPRIDA (Arĝentino). — S-ro T. Carros.

LLAUFACI (Angl.). — S-ino M. Theodore.

NEW-YORK BROOKLYN (Usono). — S-ro H. D, King (287 Dn Kalb Ave.).

OAKWORTH (Keighlyy-Angl.). — D-ro F. Rhodes.

OSTROG (Volinskoj. Rus.). — S-ro V. Jankjeviĉ.

PERTH (Aŭstralio). — S-ro H. M. Leighton (Box 84. G. Po.

PORTUGALETE (Hispan.). — S-ro F. Vallejo.

PRASKACKA (Bohem). — S-ro J. Jerabek.

PROSTEJOV (Bohem). — S-ro R. Friedrich.

PUEBLA (Meksik.). — D-ro M. Bernal (Tezintlan).

SOFIA (Bulgar.). — S-ro Krestanof (Regentska S.).

S.-PETERBURGO (Rus.). — S-ro N. Jakovlev (Vasiljevskij O. 2 f. 59. lĝ 14).

UNIEUX (Loire-Franc.). — S-ro E. Leval.

VITORIA (Hispan.). — S-ro V. Moreno.

VALADOLID (Hispan.). — S-ino E. Garcia.

Entute 536 lokoj kun 232 del. kaj 359 subdel.

Fako Vª : TURISMO

***Kongresaj voyaĝoj ; someraj ekskursoj.***

**La komitano de tiu fako komencis klopodi pri la organizo de somera ekskurso antaŭ la kongreso, per U. E. A. Tuj kiam firmaj aranĝoj estas plenumitaj, ni informos nian legantaron pri ĉiuj detaloj.**

Fako VIª :KOMERCO & INDUSTRIO

*Reklamo.*

**Kiel ni jam informis, servo de reklamado estis starigita speciale por la entreprenoj aliĝintaj al U. E. A. Sekve ĉiuj grupoj, firmoj, kontoroj, privatuloj, ĵurnaloj, k. c. kiuj dezirus disdonigi ĉien siajn prospektojn, sin turnu al tiu nomita subfako (S-ro K. Schriewer, Moresnet-Neutre), kiu plej akurate plenumos la laboron. Jam diversaj entreprenoj sukcese uzis tiun gravan servon.**

**Jen la tarifo de la sendado :**

| | Sen Koverto (1) | Kun Koverto (2) |
|---|---|---|
| De 100 ĝis 500 ekzempleroj | ₷ 0.50 pocento | ₷ 0,30 pocento |
| — 500 — 1000 — | 0,45 — | 0,28 — |
| Pli ol 1000 | 0,38 — | 0,24 — |

**Ni plie atentigas ĉiujn Esperantiajn entreprenojn pri la jenaj profitoj liverataj de U. E. A. : 1e El Moresnet (Amikejo) oni sendas Belgujon, Germanujon, Aŭstrion kun enlanda afrankoj de tio rezultas grava profito ; 2e Oni povas sendigi la reklamilojn de pli ol unu entrepreno (maksimume 3), se ili ne estas tro pezaj, kaj sekve ĉiu entrepreno pagas nur la duonon aŭ la trionon de la afranko — kio por ĝi estas tre atentinda ŝparo ; 3e Kiam oni sendas reklamilojn en tiom da diversaj regionoj povas ĉiam okazi ke kelkaj ne trafas la adresiton. Tiuokaze la subfako "reklamo & diskonigo promesas disendi ilin denove senpage.,**

**Ni do esperas, ke multaj el niaj aliĝintaj entreprenoj profitos tiujn gravajn kaj malkarajn servojn kaj diskonigos ilian ekziston.**

(1) La koverto estas liverata de U. E. A. :
(2) La koverto estas liverata de la sendanto.

*Ekspozicioj & Kongresoj.*

**Nova subfako de U. E. A. ĵus estis kreita kaj dediĉita al ekspozicioj. Helpanto por ĉi tiu subfako estos S-ro Wallon (Aschersleben). Ni tre petas ĉiujn komercajn konsulojn ke ili bonvolu nepre konigi al ni la ekspoziciojn kaj kongresojn, kiuj okazos en ilia loko dum ĉi tiu jaro, tiel ke ni povu ilin diskonigi kaj proponi la servojn de nia asocio al ilia organizantaro. En sia respondo al tiu enketo, niaj konsuloj bonvolu konigi ne nur la nomon de la ekspozicio aŭ kongreso, sed ankaŭ aldoni la epokon, la adreson de la organizantaro kaj ĉiujn informojn, kiujn ili juĝos utilaj por ni.**

# ESPERANTIAJ INFORMOJ

*Grava Avizo.* — Tiuj informoj estu redaktataj *mallonge* kaj precize ; oni sendu ilin almenaŭ nepre antaŭ la 7ª kaj 22ª de ĉiu monato. Ni ĉefe petas deniaj Del. kaj Subdel, informojn pri lo stato de U. E. A. en ilia regiono, la praktikaj aplikaĵoj faritaj per ili kaj lokaj okazantaĵoj prezentantaj ĝeneralan intereson, laŭ la vidpunkto de U. E. A. En la fino deĉiu jaro nia gazeto difinos *premiojn* por la aŭtoroj de la plej interesaj kaj oftaj komunikoj.

**Alger** (Afriko). — Dum paska libertempo, la vintrorestada komitato Alĝeria (Comité d'Hivernage, 2, rue Combe) organizas belegajn malkarajn ekskursojn tra Alĝerio kaj Tunizio. La vojaĝo daŭros almenaŭ 15 tagojn kaj la turistoj vizitos ĉiujn rimarkindajn lokojn. Nord-Afrikaj Esperantistoj estos kontentaj saluti la samideanojn, kiuj deziros fari tiun vojaĝon. Por pluaj informoj, sin turni al la supra adreso aŭ al la Delegito de U. E. A., 4. rue du Marché, Alger. Aldoni p. markon aŭ kuponon por la respondo; koran bonvenon al la vizitontoj.

**Bad-Godesberg** (German.). — La Esperantista grupo en Bad-Godesberg je la Rejno (Germanujo) laboris kun granda energio, por ke ilia loko fariĝu « Rejna Esperantujo », kaj ilia laboro ne estis vana. Jam nun ni povas inviti la samideanojn, viziti nin dum la somero kaj restadi en la « Rejna Esperantujo ». Por tio Bad-Godesberg estas tre konvena ; ni atentigu nur pri du faktoj : 1e, ke Godesberg estas ĝardenurbo, kiun vizitas ĉiujare multaj miloj da fremduloj el ĉiuj landoj, krom Germanoj precipe Francoj kaj Angloj ; kaj 2e, ke sur la alia bordo de la Rejno leviĝas la mondekonata. Siebengebirge (Sepmontaro). Por Esperantistoj nia loko estas aparte konvena. Ili trovos tie-ĉi 2 Esperanto-Oficejojn de U. E. A., en la Verkehrsbureau (Oficejo de la « Asocio por interkomunikado ») kaj en la librejo de S-ro Jung. La Delegitoj de U. E. A. kaj la konsulino por virinoj estas pretaj helpi ilin laŭpove. Ili trovos pensionojn kaj magazenojn, en kiuj oni parolas Esperanton ; ni eĉ havas policanon, kiu povas montri al ili la vojon per Esperanto. En kelkaj minutoj oni povas veturi al Bonn, en malpli ol unu horo al Koln kaj Siegburg, en kiuj tri urboj ankaŭ ekzistas Esperantistaj grupoj.

Do ni petas : Samideanoj, vizitu dum la somero multnombraj la «Rejnan Esperantajon», ĉu, se vi veturos al la kongreso, ĉu alie! Skribu al ni, se vi havas tiun intencon!

Ĉiu, kiu interesiĝas pri la « Rejna Esperantujo », petu pri la Esperanta Gvidfolio tra Bad-Godesberg la sekretarion de la grupo, S-ron stud. Max Butin. Kronprinzenstr, 33, kiu donas ankaŭ volonte ĉiujn aliajn informojn.

**Barcelona** (Hispan.). — En la kongresurbo la plimulto de niaj servoj estas starigita. Ĉiuj niaj membroj povos do ricevi ĉiujn informojn, sin turnante al nia Delegito : S-ro A. Sabadell, Deputacion 280. En la ĉirkaŭa regiono, jam multe esperantistigita, oni fervore laboras por U. E. A. speciale en Sabadell.

**Evora** (Portugal.).— Esperanto nun penetras ankaŭ en tiun regionon. Nia Subdel, S-ro Moraes Sarmento, varbis jam kelkajn membrojn al U. E. A. kaj Subdel, en la ĉefaj lokoj de Portugalujo (Lisboa, Coimbra, Porto, Rezende).

**Hamburg** (German.). — Nia Delegito, S-ro A. Vogler (16 Rathausstr.) sendas al ni la du jenajn proponojn, kiujn ni tre rekomendas al la atento de niaj legantoj.

.*. La kvina kongreso en Barcelono certe estos granda instigilo al la nordaj samideanoj, por ebligi la viziton de la mirakla hispana lando. Sed ĉar la vojaĝo estas granda kaj iom multekosta, ni devas sufiĉe frue fari la necesajn aranĝojn por malmutekostaj araj vojaĝoj. Certe unu el la plej agrablaj vojoj estos la vaporŝipa el Hamburgo pro la malalta prezo de la bileto kaj la bonega nutraĵo sur la ŝipoj. La Del. de U. E. A. estas preta fari la necesajn arangojn kaj petas la samideanojn, kiuj deziras uzi la hamburgajn ŝipojn, interrilati kun li kiel eble plej baldaŭ por sciigi lin pri la ebla nombro de la partoprenontoj. La delegitoj bonvolu diskonatigi mian praponon inter siaj rondoj.

.*. Ni estas nur celo de la turismo fako de U. E. A. aranĝi ekskursojn al la internaciaj kongresoj ; ĝia tasko ĉirkaŭprenas ankaŭ internaciajn ekskursojn de iu al alia lando,

Certe estos sufiĉe granda nombro da Esperantistoj, kiuj pro iu kaŭzo ne povos viziti la kongreson, parte pro la longeco kaj granda kosto de l'vojaĝo, parte pro manko de tempo dum la kongresaj tagoj. Tamen ili deziras uzi sian libertempo por viziti fremdam landon kaj konatiĝi kun alilandaj samideanoj. Pro tio mi proponas al la vojaĝemaj Esperantistoj speciale en norda Germanujo, Danujo, Svedujo, Norvegujo, Holando, Belgujo, norda Francujo, k. t. p. dum la lastaj tagoj de Julio kaj la unuaj de Aŭgusto ekskurson al la belega Skotlando, kie, laŭ la certigoj de niaj skotaj amikoj, ni estos bonege akceptaj. Amikoj ! pripensu la bonan ideon, diskonatigu ĝin kaj skribu baldaŭ al la Delegito de U. E. A., en Hamburgo.

**Kardasova-Recice** (Bohem.). — En tiu urbo de suda Bohemujo Esp-istoj fondis Esperantistan Rondeton kaj ĉiuj membroj aliĝis al U. E. A. Por someraj monatoj estas preparataj paroladoj kaj esp. kursoj. Firmoj kun kiuj oni povas korespondi Esp. : A. Lustig ; veŭrfabriko K. Ŝima.

**Limoges** (Franc.). La Delegito de U. E. A., kore invitas la nordajn Esperantistojn, kiuj iros al la kvina kongreso, ke ili trapasu Limoges. En tiu urbo, la Esperantistoj estas multaj. Ili faras tre gravan propagandon. Por ilin helpi, la Urbestraro voĉdonis por la Grupo sumon da 40 ₷.

Plie, Limoges estas sur la vojo de Parizo al Barcelono, kaj la Esperantistoj kiuj suriros tiun vojon, vizitos bonegajn grupojn, Orléans, Vierzon, Limoges, Tonlouse, k. a. Antaŭ nelonge S-ro Prizat faris tie ĉi sukcesan paroladon kaj baldaŭ aperos gvidfolio de la urbo. Karaj amikoj, venu multaj !

**Le Puy-en-Velay** (Franc.). — La 14 Februaro, S-ro Fernand Jammes, vicdel de U. E. A., faris sukcesplenan paroladon pri Esperanto kaj U. E. A. en la Normala Lernejo de Instruistoj, kaj, dank'al la atableco de la Direktoro, kurso de Esperanto estos organizata ĉiudimance de nia samideano en tiu grava lernejo. Kurson de Esperanto ankaŭ faras S-ro Jammes en la agronomia lernejo, kaj pli ol 50 lernantoj lernas nian karan Zamenhofan lingvon. La urba konsilantaro voĉdonis monhelpon da 100 frankoj por la tiea esperantista grupo.

## La Konkursoj de U. E. A.[1]

III

**En nia dua artikolo pri la konkursoj de U. E. A., enlasiĝis bedaŭrinda eraro, kiun ĉiuj niaj membroj bonvolu korekti. Ĝi rilatas al konkurso Hobomo, kies klarigon oni legu kiel sekvas :**

*Konkurso Hobomo : kiel fremda vojaĝanto povos plej bone viziti nian urbon dum okhora restado?*

1ª Premio : *10* ₷ (donacita de H. Bolingbroke Mudie). *Kondiĉoj : 1e).* La laboro ne havu pli ol 1,500 vortoj ; 2e), ĝi estu sendata *antaŭ la 1ª de aprilo 1909* al Esperantio, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève ; 3e). povos partopreni ĉiuj ajn membroj de U. E, A., kiuj estos aliĝintaj antaŭ la 1ª de februaro 1909.

Kiel oni vidas, la priskribo ne rilatas speciale al Londono, kiel estis erare presita en nia dua artikolo, sed al *ĉiuj urboj :* ĉiu membro priskribu kiel vojaĝanto povos plej bone viziti *lian* urbon dum okhora restado. Oni tuj komprenas la praktikan signifon de tiu konkurso kaj ni esperas, ke pro ĝia facileco multaj estos la partoprenontoj, tiel ke ni per la ricevitaj laboroj povu havi utilan informaron por la vojaĝantoj.

Ni plie havas la plezuron anonci la novajn jenajn konkursojn al niaj leganloj :

*Konkurso Nepo : La neeviteblaj malfacilaĵoj kaj danĝeroj, kiujn renkontus movado kiel Esperantismo kaj kiel U. E. A. povas ilin venki ?*

1ª premio : *10* ₷ ; 2ª premio : *5* ₷.

Kiel ĉiu scias, U. E. A. ekzistas por antaŭmeti la praktikan flankon de Esperantismo. Kiel komencigi la veran agadan utilecon de nia lingvo jen, ĉiatempe la plej grava problemo konsiderota. Kiam organizaĵo kiel U. E. A. celas la solvon de tiu problemo, ĝi alprenas vastan agadkampon, kaj spite la plej fortaj penadoj de ĝia estraro, estas neeviteble ke kelkaj, se eĉ nemultaj, aferoj estus pli klare vidataj tra la perspektivo de la malproksimeco, ol en la detaleco de la komitata proksimeco. Por havigi al la komitato la plej utilajn el tiuj perspektivaj vidoj, ni proponas la ĉi-supran konkurson. La konkursantoj klarigu la diversajn malfacilaĵojn, kiuj, laŭ iliaj opinioj, ekzistus, kaj aŭ — kiel kaj kial la nuna organizo de U E. A. sukcese ilin batalos — aŭ kiel kaj kial la nuna organizo devas agi por efektivigi ĝian celon, ricevos la premiojn tiuj, kiuj montras :

1. Plej klaran komprenon de la nuna organizo de U. E. A. ;

2. Plej klaran komprenon de la tuta Esperantista movado ;

3. Plej praktikajn projektojn pri la atingo de la celo.

La Esperanta stilo, se ĝi estas komprenebla, ne estos tiom atentita.

La artikoloj enhavu de pli ol 1,000 vortojn. Povas konkursi ĉiu, kiu ne estas komitatano aŭ subfakestro de U. E. A.

(Komunikita de la donacinto).

*Konkurso « Bad-Godesberg » : Kiun utilon prezentas U. E. A. al Esperantisto, kiu vizitas la plej belajn regionojn de la Rejno ?*

Iª premio : *10* ₷ (donacita de la Esperantista grupo de Bad-Godesberg (Rh.). *Kondiĉoj : 1e)* La laboro ne havu pli ol 1,000 vortojn ; *2e)* ĝi estu sendata antaŭ la Iª de majo 1909 al Esperantio, 8, rue Boy-Lysberg, *Genève ; 3e)* povas partopreni *ĉiuj* membroj de U. E. A.. kiuj estos aliĝintaj antaŭ la Iª de Marto 1909.

*Rimarko* : Utilajn informojn por partoprenantoj je tiu ĉi konkurso en havas i. a. la gvidfolio pri Bad-Godesberg, kiu estos sendata senpage de la Esp. grupo al petonto post pago de la sendkostoj. (S-ro Arntz, Lessingsh, 5).

(DAŬRIGOTA).

(1) Vidu *Esperanto* 44 kaj 45.

## 2ª LISTO de ESPERANTIANOJ

Membroj kiuj aliĝis kaj repagis por 1909

PUTNEY LONDON (42-E). — *D. S-roj John W. Western* ; 1. Kearney Elfrie Leofwin — 2. P. J. Kelly ; 3. Ch. Hicks ; 4. H. Genĉse ; 5. S-ino M. Masters : Sumo 6.

MUNCHEN (31.1). — *D. Sroj Krumbach* ; 1. Pointuer ; 2. Meiler ; 3. Meyer ; 4. Weinberg : Sumo 5.

ROUBAIX (44283). — *D. S-roj Dorion* ; 1, Denis Didier ; 2. Tobie ; 3. Lepers ; 8. S-ino Loret ; Soj 4. Brack ; 9. Laniere Ch. ; 11, Ernoult- Taffin. Sumo 8.

PARIS-NORDO (44.361). — *D. S-roj Robert* ; 121. Touzet ; 122. Th. Cart ; 123. Poulard ; 124. S-inoj, Neuhauser ; 125. S-ino L. Cathiard ; 126. F-ino M. Cathiard ; 119. Radouleq ; 120. V. Kabilynski ; 1. Murati ; 97. Royer ; 61. E. Robert. Sumo : 12.

ALICANTE (46.73), — *D. S-roj Elizaicin* : Ramos ; Portillo ; Coutreras Eriz ; Polo ; Si-no Adamuz ; Velasco ; Serrano ; Barona y Perez de Vargas. Sumo 9.

VILNA. (47,67). — *II.* : Nievengloski ; Bekkerman ; Habas ; Deŝkin ; *sumo : 4.*

MORESNET-AMIKEJO (49.39). — *II.* Ŝriver ; Brost ; F-ino Thywissen. Sumo : 3.

BUKAREST. (49.8). — *D.*, Guiglea ; Miluta ; (Timus) ; S-ino Seiferling. Sumo : 4.

MILVAUKEE. (77.51). — *D.*, Vilas ; S-ino Frankenfield ; Gould ; Grover ; Twiss ; Hoya ; F-ino Griswold ; Sino Martin ; Harder ; Mullen ; Crary ; Sumo 11.

FIRMINY. (44.58.13.) — *D. S-ros M. Laporte.,* S-ino Henry ; Barsot ; Preynat ; Boissier ; Laporte 3, Sumo ; 6.

FALUN. (487-8). — *D. S-ro F. Skog* ; 2 Larson ; Bambers ; H. Skog. Sumo : 4.

GENÈVE. 494-42. — D. S-ro H. Hodler ; 2, R. de Saussure ; 3., H. Dubois ; 4. S-nio Boryut ; 5. Boujut ; 6. F-ino A. Stiru ; 8. Mallet ; 9, F-ino Schmidheim ; 10. S-roj Dardier ; 7. Zryd ; 11, Maillard ; 12. S-ino Maillard ; 13. Caburet ; 14. S-ino Wartmann ; 15. Emery ; 16. Backheuser ; 17. S-ino Milsom ; 18. S-ro Milsom; 19. S-ro Gruner ; 20. Bouvier. Sumo : 20.

BLOIS.(44-53). — *S.D. S-ro Caron;* S-no Caron S-oj Pereira ; Bousely ; Sumo : 4.

MANCHESTER. (427-26). — *D.* S-roj Marriott; C. H. Laschell ; W. Borrows, Sumo : 3.

HANNOVER. (43.55( — *II.* S-roj Tarnow ; Giottgehen ; Rokriĝ ; K. Weigt ; S-ino Weigt; K. Tiedeken ; Greiser ; Hos ; Alin ; Hartog ; Behnsen ; Schweitrer ; S-ino Schweimanns ; Betz ; Knohe. Sumo : 15.

DANZIG. (4312). — *D.* S-ino Tuschinski ; Penkert B. ; Penkert M. ; Czerwinski ; Prehn ; S-inoj Unruh ; Bremer ; Pincus; S-roj Cramer; S-ino Schultz ; S-ro Griebei ; Zmmermann ; Hobbee ; S-ino Edelbuttel ; Muller ; S-ino Klein ; S-ro Popolowski ; Claus. Kitut ; Kallas ; S-ino Piepkorn ; Sumo ; 21.

CREUSOT. (44.43). — *D.* S-roj Dejean ; S-ino Dejean ; S-oj Genevois ; Minfeld ; S-ino Genevois ; S-ro Bœuf ; S-ino Basset ; S-ino Basset 9. S-ro Grimaldi . S-ro Gillot ; *Sumo* 10.

SAN-SEBASTIAN. (46-62). — *D.* S-ro Tuduri ; S-oj Garrido ; Perez Alcosta ; Ulano ; Velasko ; Digon ; Tuduri ; Sanroma ; Garrido. Garcia Arista ; Anibarro ; Ykazatagi ; O. de Arri ; Heredia ; Redondo ; Galilea ; Maraury; Kufilanĉas : Burgos ; F. Doval ; de Robles ; Pena ; A. Celvi ; Finoj Zalakain ; Ervite ; Parra ; de Digon ! Gimontes ; Concha Gil Montes ; Prodea ; S-ro Blas Gomez Sumo. 30.

RADEBEUL (43.211.2) — *D Mangelsdorf* 3. S-roj 1. H. Mangelsdorf ; 2. Dr H. Mangelsdorf; 3. F-ino E. Bach ; 4. S-roj F. Exner ; 5. Dr Seifert ; 6. F-ino A., Wagner ; 7. S-roj G. Fischendorf ; 8. K. Fischendorf; 9. D-ro F. Phalwitzer ; 10. F-noj E. Karlida ; 11. F. Robold; 12. S. Arnold ; 13. F. Hille ; 14. H. Stross ; 15. S-roj F. Weigel : 16. F-ino H. Schmitt ; 17. S-oj F. Walter-Muller ; 18. A. Richter ; 19. E. Kramer ; 20. M. Wolfsohn ; 21. Schlag ; 22. O. Neuparth. — Sume : 22 Esperantianoj.

KARDAŜOVA REĈIĈE. — (43.715) *SD. M. U. St. Ligi Lustig.* — 1. S-ro Lustig Alois ; 2. F-ino M. Lustigova ; 3. F-ino Karil Ŝirma ; 4. S-roj František Kŭta, 5. Jan Zorkler ; 6. Ing. Dir. Gustar Listig ; 7. K. Kluŝka ; 8. F-ino Lustigva Boĵena. Sume : 8 Esperantianoj.

CHALON - SUR - SAONE. — (44.333). *D Balandra.* — 1. S-roj Richard ; 2. Magnien ; 3. Royer ; 4. Grandjean ; 5. Butin ; 6. Richard ; 7. Berthelot ; 8. S-ino Guillemaut ; 9. S-roj Griveaux ; 10. Mary ; 11. Maréchal ; 12. Ferrand 13. Guyard : 14. Dubief A. ; 15. Thomas ; 16. Dutreuil ; 17. Lacour ; 18. Boileau ; 19. Veaux ; 20. Buatois ; 21. Giraud ; 22. Balandra : 23. Perrusson. Sume : 23 Esperantianoj.

EVORA (46.96.1). *SD Luiz Antonio Galvas Moraes Sarmento :* 1. L. A. G. Mones Sarmento. Sumo 2,

VARSOVIO. — 47.51. *D Robin.* — 46. F-ino Szefer ; 5. S-ino Essigmann ; 8. D-ro Leono Zamenhof ; 47. S-roj Hirszowski ; 28. Verski ; 48. F-ino Musz Katblat ; 30. S-roj Mucha ; 36. Alberski ; 49. S-inoj Syrokomla-Syrokomka ; 50. Meunier ; 51. S-ro Slowskowski ; 52. F-ino Borenstein ; 27. S-roj D-ro Kvenicki ; 31. Weintal ; 53. F-inoj Ciechanoir ; 54. S-roj Kossowski ; 2. Grabowski ; 32. Dobryszycki ; 7. Czerwinski ; 55. S-ino Kepinska ; 56. D-ro Nauman ; 39. S-ro Mikulski ; 40. S-ino H. Milkulska ; 57. S-ro Türck ; 58. F-ino Türck : 6. S-roj Lotto, W. Robin. Sume : 27 Esperantianoj.

| | |
|---|---|
| Sumo de la 2ª listo | 258 |
| Sumo de la 1ª listo | 207 |
| Sumo | 465 |

Ĝis hodiaŭ, 1800 membroj repagis sian kotizaĵon por 1909. La nomoj aperos iom post iom en «Esperanto». La prokrastintoj bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian kotizaĵon al la Delegito aŭ Subdelegito de tia loko.

Ni rememorigas, ke niaj Del. & Subdelegitoj devas en la fino de ĉiu monato sendi al ni la nomaron de la novaj membroj.

# AL NIA LEGANTARO

*** Pro ŝanĝo de presisto kaj translokiĝo de administrejo, la N-oj 48 kaj 49 de *ESPERANTO* aperis prokraste. Ni petas pardonon de nia legantaro pro tiu neatendita malfruiĝo kaj certigas al ĝi, ke de nun nia ĵurnalo regule aperos la 5an kaj 20an de ĉiu monato.

*** Multajn gratulojn ni ricevis okaze de la pligrandiĝo de nia formato. Niaj amikoj rimarkigas prave, ke ESPERANTO estas per si mem bonega propagandilo kaj estus tre dezirinde, ke ĝi estu legebla en kafejoj, hoteloj, legosalonoj, k. c, Ni do esperas, ke ĉiuj niaj amikoj bonvolos agi laŭ tiu direkto kaj abonigi mastrojn de kafejoj, hoteloj, k. c. Ili povas esti certaj, ke ili tiamaniere faros bonan propagandon.

*** Ni rememorigas, ke por ĉiu kvanto da 5 ekzempleroj minimume ekspedotaj al la sama adreso ni faras rabaton da 25 %. Pagado ĉiujare aŭ ĉiutrimonate laŭvole. Estas plej necese, ke en ĉiu loko ni havu difinitan vendejon; memkompreneble la Esperanto-Oficejo plej taŭgas por tiu rolo: oni ankaŭ povas vendi nian gazeton ĉe la grupaj kunvenoj, festetoj, k. c.

***

Ni komencas en tiu N° la publikigon de nova felietono, kiu pro sia nuntempeco, sia beleco, la fameco de ĝia aŭtoro, sendube plaĉos al nia tuta legantaro, nome:

RAKONTO PRI SEP PENDIGITOJ

de la ĉiekonata rusa verkisto *Leonid Andrejev*.

Leonid Andrejev, estas nuntempe la unuaŝica verkisto de la rusa literaturo. Naskita en 1870, li finis la universitaton kiel juristo, sed la juĝaj aferoj ne interesis lin, li sin dediĉis al literaturo.

Lia talento kaj nomo fariĝis ĉiam pli konataj ne sole en lia patrolando, sed ankaŭ eksterlande. Ĉefaj liaj verkoj estas *Vivo de la homo, Juda Iskariot, Mallumo, Reĝo malsato, Ruĝa Rido* (jam esperantigita). Ĉiu nova verko lia elvokas grandan intereson kaj disputojn en publiko kaj gazetaro, ĉar li ĝenerale pritraktas ĉefajn moralajn problemojn.

La tradukon de RAKONTO PRI SEP PENDIGITOJ ni ŝuldas al nia estimata kunlaboranto D-ro J. OSTROVSKI.

## PERESPERANTAJ SOCIETOJ

### Esperanta Psikistaro

Sekretaria : S-ro A. Stas, Str Antonius, 25 Anvers, Belgujo.

*Komuna programo*

II. — Cela parto.

La iniciata komitato fidas la plenan aprobon de la duoble samideanoj pri la jenaj projektaj punktoj, kiuj precizigas la celon kaj la estontajn laborojn de la Psikistaro.

1° Kolekto de ĉiuj gravaj informoj pri la psikismaj okazintaĵoj,

2° Kelekto de diversaj dokumentoj montrotaj en la speciala kongreso.

3° Preparado pri psikisma vortaro.

4° Decidoj pri la psikisma vortaro dum la speciala kongreso.

5° Ĉiujare okazos speciala kongreso okaze de la Esp. kongreso en la kongresurbo.

6° Fondo de gazeto aŭ revuo.

7° Eldono (kiam eble) de psikismaj verkoj originalaj Esperante.

8° Traduko en Esp. kaj eldono (se eble) de la psikismaj verkoj plej ŝatataj en la diversaj landoj.

### Universala Asocio Filatela Esperantista

Ni fervoraj filatelistoj kaj sindonaj esperantistoj konciis la malfacilecon, kun kiu oni naskas interrilatojn en la diversaj partoj de l'terglobo, kvankam oni uzas Esperanton; efektive se estas facile naski interrilatojn kun malmulthavaj kolektistoj, estas malpli facile fari interŝanĝojn kun multhavaj kolektistoj, ĉar, kompreneble, oni multe hezitas fari iom gravan sendaĵon el poŝtmarkoj, kiam la korespondanto loĝas je multegaj kilometroj malproksime: oni timas esti trompata. Kiu el ni ne sentis tian timon?

Tie do kuŝis manko plenigota, ĉar oni devis fari kompleta por la esperantistaj kolektistoj la admirindan ilon, kiu estas Esperanto: nune tio estas efektivigita, kaj ni havas la honoron prezenti al ili societon de interŝanĝistoj faritan ja por esti aprobata de ĉiuj. Ĝiaj statutoj, starigitaj postkelkmonata preparado, estas, por tiel diri perfektaj kaj certe kontentigos ĉiujn anojn, ĉar ili estas tiamaniere elpensitaj, ke la aliĝintoj estas reciproke garantiitaj, kaj ne estas eble, ke okazos perdoj; la tute malalt prezaj kotizaĵo kaj enviciĝkosto ebligas, ke kiu ajn povu aliĝi al la societo. Plie, ĉar estas permesite elekti kiujn ajn poŝtmarkojn kaj eĉ ilin pagi mone — kun rabato da 40 o/o — la kolektistoj multhavaj aŭ la kolektistoj, kiuj ne havas multoblajn ricevos la plej grandajn profitojn aniĝinte al la « Universala Asocio Filatelia Esperantista ». ĉar ĝi liveros al ili rimedon por kompletigi siajn seriojn kun kondiĉoj escepte favoraj.

Tial, ni ne hezitas alvoki insiste ĉiujn filatelistojn, konvinkitaj, ke multegaj respondos sendante akceptopeton al la Prezidanto de l'Provizora Komitato, kies membroj estas la plej bona pruvo de la vera internacieco de la ĵus naskiĝanta societo.

J. FIZE.

*Prezidanto :* S-ro J. FIZE, au Pastissou, Bezierso (Francujo). — *Vicprezidantoj :* S-roj THEIS, Inĝeniero et Boulogne; FASSE, el Berlin (Germanujo); MULLER, instruito el Komaron (Hungarujo).— *Sekretariino :* F-ino FLOURENS, el Bezierso. — *Kasisto-Interŝanĝestro :* S-ro BERNARD, el Bezierso. — *Asesoroj :* S-roj BARTHÉLÉMY kaj Cliquenois el Boulogne; PETROV, el S. Peterburgo (Rusujo); J. GIUGLEA, el Bukaresto (Rumanujo); CHOCOMELI el Utiel (Hispanujo; KRESTANOF el Pirdop (Bulgarujo); SCHWARTZ el Sarajevo (Bosnio); BAXTER el Liverpool (Anglujo; D-ro EMILIANI el Falerone (Italujo).

# ANONCETOJ

### TARIFO

KORESPONDADO. — *Unu enskribiĝo ₷ 0.30 (fr. 0,75). Rabato da 25 o/o por 6 enpresoj, kaj 50 o/o por 12 enpresoj. — PI = poŝtkartoj ilustritaj ; L = leteroj ; PM = poŝtmarkoj. Niaj* abonantoj *rajtas unu senpagan enpreson.*

Petoj & proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj) : ₷ 0,10 (fr. 0,25). Rabato da 25 o/o por 6 enpresoj kaj 50 o/o por 12 enpresoj. Niaj* abonantoj *rajtas unu trilinian anonceton.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata antaŭ ta 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato au internaciaj poŝkuponoj.

### Korespondado

GIJON (Oviedo, Hisp). — S-ro R. Maraŭrij, hôtel Mavina PI.

ZAVA (Dalmat.-Aŭstr.). — S-ro F. Urbanec, kazern PI.

DRESDEN (Germ). — M. Keil, Gerichtsstr, 23, PI. L.

SLATINY (Bohem, Aŭtr.). — S-ino O. Ptačnikova, poŝto Miličeves, bei Jičin, PI.

FRANKFURT a/ ODER (Germ.). — Suliane Hevvmann, Furstenwalderstr 64, PI.

MILWANKEE (Wisc. U. S. A.). — C. A. Vilas, 1002-1006 Welk Building.

PARIS (XXe). — S-ro Jullien Auguste, 3a, boulevard de Belleville, PI, (esp., angle., germ., itale.).

KOLIN (Bohem, Aŭstr.). — S-ro A. Sediry, 194 komenskeho ul PI.

PRAHA (Bohem, Aŭtr.). — S'ro B. Holonbek, 1062, Vinohrady.

NOTTINGHAM (Angl.). — *F-ino Lodd, 43 Foxhall Rd. Sherwood Rize.*

SAN-SEBASTIAN (Hisp.). — S-ro A. Moreno, str. Mira Kruz 13, PI : S-ro J. Merino, str. Ydiaquez 5, PI : S-ro Pablo Rodrigez, 25 str. Principe, PI ; A. Obeso, Pasages Anĉo, PI.

LEVALLOIS-PERRET (Seine-Franc.). — La Gelernantoj de la Grupo pk aŭ letere. Skribu aĝon kaj profesion. C. Rousseau, 4 place de la République.

MOSKVO (Rus.). — S-ro Sudakeviĉ, Povaskaja, Bovisoglebskij perenlok, dom Sumarokov, kv 15 : S-ro A. Kabanov, B. Sakimanka, Babjegodskij per d'Usaĉevoj *(Ŝakludas per PI)* ; S-ro I. Rogunov, Brestskaja ul, d. Shukaeva kv, n° 4 ; S-ro A. Kojernikov, Nikirskaja, Universitet PI.

ELETZ (Orlof gub. Rus.). — S-ino Sorelova, Orlovskaja ul. *Cerveny Kostelec* (Bohem.-Aŭtrio). ; F-ino B. L. Keyzlarova, Svatojakubska ulice, PI. ; F-ino Josefina Simkova, naproti postelu, PI.

LEVALLOIS-PERRET (Seine, Franc.). S° C. Huchedé, 35, R. V.-Hugo, PI ; 2° La Gelernantoj de la grupo, PK aŭ L adresu al C. Rousseau, 4 Pl. de la République; skribi aĝon kaj profesion.

MONTCY-St-PIERRE (près Charleville, Franc.) — S° E. Pollion, PI.

### Petoj kaj proponoj

S-ro I. H. Krestanof el Pirdopo inform. siajn gekoresp. ke li ĵus venis en Sofia, kie li restos 5-6 monatojn, Adreso : Str. Regentska 5, Poduene, Sofia (Bulgar.).

Angla Studento, dez. ellerni la francan lingvon, serĉas en orienta Francujo *familion* (Licea profesoro preferata) ĉe kiu li povus loĝi 5-6 semajnojn, de la mezo de marto. Oni interŝanĝu rekomendojn. Skribu, france aŭ esp. al : « Esperantisto », Kurhaus Rieg, Epstein in Taunus, German.

Specialaj markoj. — S-ro T. Geisselveiter, Lomnicen (Bohemujo, Aŭstrio) kolektas kaj aĉetas specialajn markojn eldonitajn pro diversaj manifestoj : ekspozicioj, ekflugo de aerŝipoj, k. t. p.

Korespondado. — S-ro J. Neugebauer, hospitala oficisto, Prostejor Moravia (Aŭstrio), Urednix verejne nemocnice, dez. interŝ. PI, L kaj gazetojn. koresp. germ., bohem, pole, ruse. france, esper.

Kelnero. — 19 jara jun., parol. la franc., germ. & esp. lingvojn, *serĉas*, por lerni la anglan, *oficon* en Anglujo, kiel kelnero en hotelo aŭ privata domo. Proponoj al S-ro Migranto, Esp-Of, Bahnhofstr. Aachen (Germ.),

Ofico. — S-ro P. Clemares, str Tantavan tanas, Barcelona (Hisp.) serĉas of. de kudristo aŭ ledisto en fabriko aŭ magazeno de ŝuoj en *Caracas* aŭ Ĉilio-Bone konas la komercon. Proponoj al supre adreso.

Terkulturo. — Rumanujo, Bukuresto, str I, C. Bratianu, 5. S-ro E. Stanesen, kun honora diplomo de la supera terkultura lernejo (Bukareŝto), deziras pasigi provtempon por praktikado en ia biena farmejo en norda aŭstrio aŭ Germanujo. Petas pri kondiĉoj.

Portreto de D-ro Zamenhof estos sendata kontraŭ ilus. Pk. A. Thonney, 8, R. du Tunnel. Lausanne (Svis.).

Paperajn pokaletojn kun esper, surpresaĵo dissendas afranke la Esp-Of de Gera (Rh) Germ : 3 ope : 10 sd ; 10 ope : 30 pd ; 100 ope : 2.25 ₷.

Junula interŝanĝo S-ro A. S moral. Jevičko (Morav. Aŭstrio) deziras sendi sian 17 jaran filon, dum la someraj libertempoj (15 julio-15 aŭgusto) en urbon de Francujo aŭ Svisujo, li prenos konstraŭe samaĝan knabon.

Humoraj ĵurnaloj. — R. Pissaro, 14, rue Girardon, Paris. Deziras germanan korespondanton kiu sendos al li ĉiumonate « Lustige Blatter'n kun esperanta traduko sub ĉefaj bildoj. Li sendos sammaniere francan humoran gazeton.

Lernantoj ! S-ro Evrot, prof. Liceo. Limoges (Francujo) petas jun. lernant. (nefranc.) ke ili priskribu letere unu tagon de sia lernvivado. Dankos per bel. il psk.

Angloj kaj Francoj kiuj volonte koresp. per illust. pk en *nacia lingvo* estas petataj ekrilati kun S-ro P. Hanel, 7. Reichelstr. Liepzig (Germ.).

Ilustr. Postk. volonte interŝanĝus kun ĉiuj alilandanoj S-ro Schteicher, Gartenstrasse 1, Leipzig-Schonefeld (Germ.). Ĉiam respondos.

### Komercaj reklamoj

La ĉapelpingloj por Sinjorinoj esperantistaj kiuj tiom sukcesis dum la kvara estas aĉeteblaj ĉe S-ro E, Gabert, 1, Claude Delaroa, 10, St-Etienne, Loire (Franc.). — Prezo : Franc., 0,60 ₷ (fr. 1,50) ; alilando : 0.66 ₷ (fr. 1.65) afrankite, Specialaj prezoj por la vendo pogrande. Oni sendu la monon poŝtmandate.

Vinoj blankaj kaj ruĝaj, ordinaraj kaj delikataj. rikoltitaj en Beaune. Moderaj prezoj. *D-ra A. Vesoux*, en Beaune (Côte-d'Or, Franc.),

Por ekspozicio la ĉeka-slava Grupo deziras ricevi afiŝojn, gazetojn, ktp, en nacia aŭ internacia lingvo. Tiuj elspezoj estos pagataj, Bonvolu sendi al ; A. Kroupa, revident st. drahy, Brno, Moravie, Aŭstrio.

Silkaj novaĵoj Esperantaj ;

*Belaj kravatoj* verdstelumitaj, el atlaso, por sinjoroj ; kvin malsimilaj, modeloj, de 0,50 ĝis 0,80 ₷

*La vera Esper. skarpo* kaj *rubandoj* por Sam-inoj ; la metro : 0,72 ₷,

*Esp. flagetoj*, dekduo : 1,2 ₷.

Firmo B. PEYRAUD, 41, rue de la Loire, St-Etienne (Francujo).

Kovuloj sekigantaj « Perfekta » je varma aero kaj aŭtomata reguligilo ; maksimuma produktado, lastaj perfektigoj. Katalogo ricevebla de J. Pascarel, Tours (Franc.).

Armiloj, bicikletoj, skribmaŝinoj, stebiloj, terkulturaj kaj industriaj motoroj, fonografoj, horloĝoj, artaĵoj, sportaĵoj, k. t. p., estas aĉeteblaj ĉe J. Simonnet (Snbdel.), St-Méard-de-Drome, Dordogne (Franc.). Mendu la katalogon.

Vinoj. — Burgonjaj vinoj, ruĝaj kaj blankaj, ordinaraj kaj delikataj, en bareloj kaj boteloj. Ch. Toussaint, Mercurey (Saône-et-Loire), Franc

La Internacian Esperantistan Poŝkalendaron por 1909 ĉiu Esperantisto devas posedi. Ricevebla afrankite kontraŭ 3 respondkuponoj aŭ 30 Sd. sendotaj al « Esperanto-Oficejo de Amikejo », *Moresnet*. Mendu ankaŭ « *La Barketo* » belega kanto kun f. piano, kiu kostas afrankite 65 Sd. Liveras ĉiajn Esperantaĵojn.

Deveno & historio de Esperanto letero pri la deveno de Esperanto. Parolad de D-ro Zamenhof. Pri evolucio de Esperant Literaturo. Deklaracio pri Esperantismo. Hi no Esp. Prezo 25 Sd (3 intern. respon-dkup noj), Verko utilega por propagandistoj, p lernantoj kaj modela, senerara legolibro p kursoj (10 ekz. ₷ 2,60 afr.). Eldonis Caso ceskijch Esp. Praha II. Dittrichova ul. 7, Bo mujo.

Atentu! poŝtkart-kolektantoj ! A koj de la aerŝipo ! *Serio de Zeppelin* kon sendo de ₷ 40 (Fr. I; M. 0,80; 10 d.) poŝtmarkoj. Wolf & Haag, Heidelberg (Ba German.). Zwingerstr, 12.

« Tra la Mondo », nos 10 kaj 11 de jaro (aprilo-majo 1906) deziras aĉeti Pro Lo Bousquet, en Aubusson (Creuse, Franc.). Ko pense, li sendos mult. malnov. ekzempl. l'Esperantiste aŭ de aliaj gazetoj.

## Atentu !

*Estas aĉeteblaj ankoraŭ kelkaj ple kolektoj de «Esperanto»*

(De N° 1 ĝis 45) po 2 ₷ (5 frankoj)

Oni nepre profitu TUJ ĉi tiun okazon, baldaŭ ne plu prezentiĝos.

Sin turni al la Administrejo de «Esperant 8, rue Bovy-Lysberg

## ĈIUSPECAJ
### Italaj Produktaĵoj

precipe por donacoj okaze de Kristn kaj kaj Novjaraj festoj. Petu nian ka logon per duobla poŝta karto.

Firmo A. Tellini, Mura d'Azeg 600, BOLOGNA (Ital.).

## EN ĈIUJ ŜTATOJ

Oni serĉas kapitalistojn & industriisto kiuj volus fabriki

## SPECIALAN APARATON

por

Konservado de Nutraĵoj, fruktoj k. t.

*ĝin PATENTIGONTAJN en siaj landoj*

Negranda kapitalo bezonata.
Grandega Profito
Perantoj akcepta

Oni sin turnu al : VACLAV CANSK
PROSEK BEI PRAHA
Bohemujo, Aŭstrio

## CESKY ESPERANTIST

(Bohema Esperantisto)

*TRE ZORGE REDAKTATA PROPAGANDA REVUO*

ENHAVO : *Esperantaj artikoloj*, pri n tempaj temoj, ĉefe internaciaj.

*Raportoj kaj notoj*, pri la progreso de ci lizado.

*Kroniko* pri Esperanta Movado.

Redakcio : Praha III 495, Austrio.
Administrejo : Jevicho (Moravio, Aŭst

Jara abono : 1.70 ₷

*Senpaga por anoj de Bohema Asocio Esp.*

Sekretario : D-ro KAMARYT, Praha VI.

*Le Gérant* : L. ROYER.
Imprimerie X. DEVIGHI, Chalon-

# Esperanto-Movado

Kial vi ne defendis la urbon kaj fordonis ĝin al niaj malamikoj? Severe demandis la militestro komandanton de la sieĝita urbo?

« Por pravigi min, Via Ekscelenca Moŝto, mi havas la honoron prezenti al vi jenajn tridektri motivojn : unua — la tuta provizo da pafpolvo dum la sieĝo estis jam elĉerpita, dua... Sufiĉe !. — ekdiris la generalo mi tute ne rezonas plu viajn aliajn tridekdu klarigojn : mi vidas jam, ke vi estas senkulpa. »

Tiu ĉi anektodo venis en mian kapon, kiam mi ekvidis *la Katalogon de S-ro Georg Davidov*. Niaj kontraŭuloj, la skeptikrilaj Moŝtoj, apriore krias ĉie kaj ĉiam siajn klasikajn, pseŭdo-sciencajn kontraŭdirojn ke lingvo estas objekto natura, organa, ke ĝi dependas de fiziologiaj klimataj, historiaj kaj de multaj, aliaj kondiĉoj, do tial ĝi tute ne povas esti kreita arte k. t. p., k. t. p.

Por nuligi tiujn ĉi senfundamentajn kvazarĝumentojn ni ankaŭ povus prezenti eĉ pli ol tridektri pruvojn, sed nun dank'al katologo de nia varma kaj laborema amiko S-ro Davidov ni povas esti liberigitaj de tiuj ĉi longaj kaj, laciĝaj disputadoj, oni bezonas nur malfermitiun ĉi riĉan kaj interesplenan libron, kies ĉiu paĝo, ĉiu linio estas kvankam muta, tamen nedisputebla, klara, okulvidebla, dokumenta nuligo de ĉiuj nurvortaj kontraŭdiroj. Montrinte nur tiun ĉi unuan pruvon, ni ankaŭ ne bezonas plu la aliajn tridekdu. Amikoj ! Montru nur per via fingro al skeptikulo la enhavon de tiu ĉi katalago : la multenombrajn lernolibrojn en dudeknaŭ naciaj lingvoj, la librojn literaturajn originalajn kaj tradukojn de tre multaj ĉefverkoj de deknaŭ diversaj nacioj inter kiuj, tiuj de Shakespeare, Byron, Dickens k. c., el angla lingvo ; Molière, Coppée, Beaumarchais, k. al., el franca ; Gœthe, Schiller, Heine k. c., el germana ; Lev Tolstoj, Puŝkin, Korolenko, Gogol, Gorkij, Andrejev k. aliaj el rusa ; Prus, Sieroŝevski, Orzesko, a. el pola ; de Amicis el itala ; Cervantes el hispana ; Virgilio-Eneido el latino ; Sophocle, Esope kaj Homer el antikva greka lingvo k. t. p., k. t. p. Montru al ili la specialajn nomarojn de verkoj de diversaj fakoj sciencaj : filologia, lingvoscienco, religia, filozofia, medicina, antropologia, matematika, hemia, historia, geografia, politika, etnografia, k, t. p., librojn pri vegetarismo, pacifismo, ruĝa kruco, por bontemplanoj, por blinduloj en brailaj reliefaj kaj ordinaraj presaĵoj, por fotografio, filatelio, librojn komercajn kaj multajn katalogojn de gravaj komercaj firmoj ; multnombrajn Jarlibrojn, Adresarojn, Kalendarojn, Gvidlibrojn, Kantlibrojn, diversajn muziknotojn kun esperanta teksto, propagandajn poŝtkartojn k. t. p. Montru al ili la nomaron de niaj esperantaj kaj nacie esperantaj. gazetoj, ĵurnaloj kaj revuoj el plej diversaj landoj de nia terglobo. Unuvorte la katalogo estas potenca propagandilo. Montru al ĉiuj kontraŭuloj, skeptikuloj, teoriaj aprioruloj, indeferentuloj kaj al tiuj, kiuj ĝis nun nenion aŭdis pri nia kara ideo, pri nia trezoro Esperanto tiun ĉi interesegan katalogon de Biblioteko de P. Davidov, kiun li kun granda laboro, kun grandaj elspezoj plej zorgeme kolektadis dum multaj jaroj kaj mi estas konvinkita, ke vi per ĝi silentigos niajn malamikojn kaj varbos por nia homama, epokfaronta afero multajn varmegajn, konvinkitajn esperantistojn.

Pri la esperanta biblioteko mi povas diri, ke jam nun ĝi verŝajne estas plej plena kolekto, el ĉie ajn ekzistanta kaj prezentas grandan intereson por bibliofiloj kaj kolektantoj esperantistaj. Post kelkaj jaroj ĝi sendube havos tre gravan historian valoron por la esperanta movado. Nun ĝi enhavas ĉirkaŭ du mil numerojn da diversaj libroj, ĵurnaloj k. t. p., inter kiuj estas multaj tre raraj jam delonge neakireblaj. bedaŭrinde kelkaj verkoj (signitaj en la katalogo per nigraj punktegoj) mankas Ĉiuj samideanoj, kiuj okaze posedas tiujn verkojn, bonvolu vendi ilin al S-ro Davidov, kiu tre volonte pagos altan prezon. Ni devas helpi lin por ke lia biblioteko estu tute plena, ĉar ĝi ja povas esti konsiderata kiel nia komuna morala havaĵo, se eĉ efektive ĝi apartenus al iu ajn privata persono.

Ĉiu esperanta biblioteko, ĉiu kolektanto. ĉiu societo aŭ grupo kaj ĉiu aparta esperantisto devas posedi la katalogon, kiu estas vendata ĉe Moller & Borel, Berlin, Prinzenstrasse 95. Ĝi kostas 0.50 ₷ = 1.25 fr.

***

Ĉu ĉiuj niaj legantoj scias pri atentinda verko de nia tre konata samideano D-ro Pierre Corret? Tiu ĉi libro aperis antaŭ nelonge sub la titolo : « *Utilité et possibilité de l'adoption d'une langue internationale auxiliaire en médecine par le Docteur Pierre-Corret, Paris, Presa Esperantista Societo, rue Lacépède, 33. 1908.* » La kuraĝa kaj saĝa temo pri Esperanto en Medicino, elektita de nia agema amiko por la tezo oficiale prezentita de li al la Pariza Medicina Fakultato por atingi la titolon « Docteur en Médecine ». La unuan fojon Esperanto aperis oficiale antaŭ la ŝtata juĝantaro de Pariza Medicina Fakultato, kiu konsistis el konataj profesoroj : Bouchard, Chantemesse, Rénon kaj Balthazard kun la Vicrektoro de l' Pariza Akademio prof. Liard kaj Fakultatestro prof. Landouzy. La eminenta sciencularo montris grandan atenton al la laboro de doktoranto kaj tre ekinteresiĝis pri la diskutita temo Esperanto en Medicino, kiun nia samideano pritraktis en lia tezo tre detale, tre zorgeme kaj saĝe dankal alia kutima talento kaj laboremeco kaj plene meritis la tre maloftan mencion. « *Tre bone* » Tiu ĉi tezo alportis veran triumfon al nia amiko kaj grandan sukceson al Esperanto, kiu kune kun D-ro P. Corret estis submetita al ekzameno antaŭ la scienculoj. Oni povas prave konsideri, ke la alta mencio « Tre bone » egale estas donita kiel al la doktoranto tiel ankaŭ al la lingvo Esperanto Estas citinda la konkluda parolado de Prezidanto prof. Bouchard, kiu laŭdis D-ron P. Corret kaj gratulis lin, ke li elektis *tiel utilan* kaj altcelan temon kaj finis la paroladon per jenaj atentindaj vortoj : « Ekzistas diversaj aliaj sistemoj de lingvo internacia, sed montriĝis taŭga por sia celo nur Esperanto kaj nur al ĝi ni devas doni nian helpon ! » Ni esperantistoj gratulas nian ageman kunbatalanton kaj tre dankas lin, kiu enmetis ankoraŭ unu grandan kaj fortikan ŝtonon en la fundamenton de nia grandega konstruaĵo. Ni estas certaj, ke ĉiuj samideanoj, precipe la kuracistoj volas havi tiun ĉi interesan libron kaj ne preterlasos la okazon citi ĝin en siaj naciaj medicinaj kaj ĝeneralaj ĵurnaloj. Tio sendube altirus la atenton al Esperanto kaj varbus al nia ideo multajn novajn amikojn.

BIBLIOGRAFIO

*Ni ricevis :* du librojn el la serio « *Esperanto Verkaro de D-ro Zamenhof* » 1). *Molière.* GEORGO DANDIN. Komedio en tri aktoj Pr. 1.20 fr. 2). *La Sentencoj de Salomono. Libro el la Biblio.* Pr. 1.50 fr. Ambaŭ de librejo Hachette. Tiuj ĉi libroj ne bezonas nian recenzon, ĉar ilin tradukis nia majstro mem.

*Prozo el Danaj = Norvegaj aŭtoroj*, trad. de H. Fr. Fhomsen. Esperanto-forlaget Kristiana.

Ni ĝojas. ke nia lingvo donas al ni la eblon ĝui la legadon de l'verkoj de ĉiuj popoloj.

*Ruĝa ĉapeto.* kaj *Kato en botoj*. Bibli. inf. 2. Biblioteko infana n° 1. Eldonoj de Soci Esperantista Kaŭkaza Tiflis. P. 0.10 ₷ Malgrandaj libretoj kun koloraj bildoj.

*Cours élémentaire pratique d'Espera* d'après la méthode directe combinée Mi Becker, prof. de langues vivantes et E. Gr jean-Maupin, prof. agrégé de l'Univer Librairie Hachette, Paris.

*Praktična Obuka E rantu sa rječnikom sastavio Mavro Sp* Ciema k. 2,60 (1 ₷) Zagreb 1909. *Waorden Esperanto-Hollandsch.* Samengesteld door Rotter - Lamsche Esperantisten - Vereeni *«Merkurio»*. Utrecht-H. Honig. Prezo fr. (0.50 ₷) 1909.

*Cours méthodique d'Esperanto.* Versi Camille Aymonier kaj E. Grosjean-Mau Kolekto de la *Revuo*; Librejo Hachette kaj Fr. 1.20. *Kudimentos de Esperanto por Alb Gomez-Cruz* (jr). Guadalajara. *Kursi Esper* efter Th. Cart utarbetad af G. H. Backm Pr. 25 Ore (10 spd).

Ni nomu ankaŭ la ĵus aperintajn du no *ĵurnalojn*.

Ni deziras sukceson al niaj novaj ku talantoj.

La nombro de *Muzikverkoj* en Espera ankaŭ ĉiam kreskas : *Esperantujo* Mel Poemo de *Marie Hankel*. Muziko de *F. Ménil* kaj "*LA VERDA STELO*" Mel Poezio de *Marie Hankel*, muziko de *F. Ménil*. Prezo de ĉiu 0.80 ₷ = Mu. *Esperanta Eldonejo Hans. Fr. Hoffm* Berlin, W. 15. Bela ligo de du niaj estim gesamideanoj. reprezentantoj de poezio muziko.

D-ro J. OSTROVSKI.

*Le Gérant* : L. ROYER.
Imprimerio X. DEVICHI, Chalon-s-S.